# LITERATURA Mondo

TRIA PERIODO — UNUA JARO — 11—12





REDAKCIO KAJ ADMINISTRACIO: BUDAPEST, VIII., RÖKK SZILÁRD-STR. 28. HUNGARIO

# *Informoj de la administracio.*

Karaj samideanoj! Ni ekparolas nur en la lasta numero de la 1947-a jaro. Dum la jaro anstataŭ paroli ni klopodis aperigi la revuon akurate kaj belaspekte. Multaj alsenditaj opinioj pruvas, ke niajn klopodojn komprenas kaj laŭmerite taksas niaj abonantoj. Ni esperas, ke la redaktoroj sukcesis doni interesan, varian kaj valoran enhavon al siaj legantoj.

Post la fino de la unua jaro de la tria periodo ni jam povas fari bilancon. Ni povas konstati, ke la morala sukceso estas kontentiga, sed bedaŭre ni ne povas tion diri pri nia financa stato. Kvankam la plej multaj malnovaj abonantoj reabonis, kaj kvankam kun ĝojo ni povis registri ankaŭ multajn novajn abonantojn, la nombro de abonantoj tamen ne sufiĉas por kovri la krudajn preskostojn. Neniam estis profitiga aperigi altnivelan literaturan organon. Sed en la pasinto la deficiton povis kovri la enspezoj pere de la librovendado. Pro la nunaj malfacilaj internaciaj rilatoj la libroeldono bedaŭre ne prosperas tiagrade, ke ĝi povus kovri la deficiton de la revuo. Pro tio ni devas klopodi por la forigo de tiu deficito.

Ni sendis cirkuleron pri la supra demando al niaj abonantoj. Ni demandis, ĉu ni malaltigu la paĝonombron per 20%, aŭ ni forlasu la kovrilpaĝon, kiu donis tiel imponan aspekton al la revuo, aŭ eventuale ni altigu la abonprezon ĝis 3.— dolaroj, anstataŭ la ĝisnunaj 2.50 dolaroj. Kun bedaŭro ni devas konstati, ke la prezoj mondskale altiĝas kaj ekzemple ĉijare la paperprezo altiĝis per 45%.

Ni ricevis multajn respondojn al nia cirkulero. La respondoj estas dupartigeblaj: unuj respondis, ke ni altigu la abonprezon, kaj aliaj respondis, ke ni malaltigu la paĝonombron. Kun ĝojo ni tamen povas konstati, ke estas multe pli da samideanoj, kiuj senhezite skribis al ni: Altigu la abonprezon!, ol tiuj, kiuj deziris malaltigi la paĝonombron. El tiuj respondoj ni ĉerpas la kuraĝon sekvi la konsilon de la plej multaj abonantoj kaj altigi la abonprezon je 3.— USA dolaroj.

La samideanoj, balotintaj por la malaltigo de la paĝonombro, espereble komprenos nian intencon kaj ankaŭ ili kontribuos siajn groŝojn por la revuo. Se ni komparas niajn prezojn kun la prezoj de naciligvaj eldonajoj, ni povas konstati, ke malgraŭ la altigo de la abonprezo per 20%, la abonkosto de Literatura Mondo estas modesta. *Ni ja ricevas nenian subtenon de iu ajn ŝtato aŭ organizo.* Nian laboron ni bazas nur je la subteno, kunlaboro, entuziasmo de niaj abonantoj. *Por la abonprezo de 3.— dolaroj* ni liveras 216 grandformatan paĝon, kiu egalas libron kun 432 paĝoj. Ni multe esperas, ke niaj estimataj abonantoj reabonos ankaŭ *por la sekva jaro, kaj plie ili klopodos varbi* novajn kaj novajn abonantojn. Per la kunhelpo de ĉiu literaturema esperantisto ni atingos, ke baldaŭ Literatura Mondo povos *aperi monate, ĉiam pli amplekse, kaj tiel* ĉiam pli kaj pli validos la opinio de s-ano Lapenna: Literatura Mondo — la fiero de ĉiu serioza esperantisto.

—

La 1—2-a numero de Literatura Mondo 1947 rapide elĉerpiĝis kaj ni ne povis liveri ĝin al tiuj abonantoj, kiuj abonis dum la jaro nian revuon. Bedaŭrinde la presisto dismetis la kompostajon kaj tiel ni ne plu povos ĝin represi. Tial ni proponas al niaj abonantoj, kiuj ne ricevis tiun numeron, liveron de du malnovaj numeroj. Bonvolu elekti laŭplaĉe laŭ nia reklamo en la pasinta numero. Ni petas indulgon de la koncernaj samideanoj, sed bedaŭre ni jam ne povis alimaniere aranĝi la aferon.

—

En la 1948-a jaro Literatura Mondo aperos en ĉiu dua monato. La 1—2-a numero de 1948 aperos la 1-an de februaro.

**La administranto**

Feliĉan Kristnaskon kaj Feliĉan Novjaron deziras al siaj legantoj

*Literatura Mondo*

# ALVOKO

F. Szilágyi

La milito, la milito, la milito ... Kiam ĝi komenciĝis en 1914, neniu kredis, ke ĝi daŭros pli ol monatojn. Sed nun? La malica genio elcerbumas de tago al tago novajn armilojn, kaj en la Sudo, en la pola ebenaĵo, en la Karpata montaro brulas la urboj, la vilaĝoj. Grenadoj siblas kaj kanonoj plenumas sian brutalan devon. La urboj malaperas, la vilaĝoj forŝoviĝas, la vestoj kaj la animoj ĉifoniĝas. Sur la landvojoj kiel pala, laca, kota rivero fluas la ŝvitanta, veanta ondo de senhejmaj kampuloj. Inter ili bovinoj kun miroplenaj okuloj. Ĉio estas tiel nekomprenebla. Sed ĉu homo pli bone povas kompreni sin mem? Kiel oni povas kompreni la homon, kiu tiel dancis en la mezon de la sangdiboĉon, kvazaŭ tio estus sankta ĝojofesto de la vivo. Oni freneziĝis pro la sango. Oni glorigis la proksimbatalojn, en kiuj oni vidas sian propran viktimon. Nun ĉio mekaniĝas. Nun jam eĉ la aeroplanoj miksas sian voĉon en la mortkoncerton. Ĵus oni vidis la novaĵon pri la atako kontraŭ Londono. Dum momento malaperis malsanuloj kun kuracistoj sub la ruinoj de Londona hospitalo.

Kuracistoj? Ververe la kuracistoj estas superfluaj. Restarigi la homojn nur por tio, ke poste grenado, flugmaŝino kaj pafilo konkuru, kiel liberigi lin de sia plej granda malsano, la vivo? Kuracisto? Ĉu oni povas esti kuracisto de homoj kaj tiu de la homaro? Iam oni revis kaj sonĝis pri la Harmonio, pri regulo kaj simetrio, pri unuigaj penso kaj lingvo. Sed kiu respondas? Kiu reagas? Flamoj kaj furiozo estas la solaj eblaj reagoj de la homo. La tero estas plena de ĝemoj, kaj se ili ne devus ĝemi, veus la kontraŭuloj. La ĉielo estas griza kaj indiferenta.

Tia estas la homo kaj ne tia, kia ĝin montras la foto, la granda foto en la ĉambro. Tiam, en 1905 oni vidis alie la aferojn. Ho, Bulonjo-sur-Maro, kiel vi aspektas nun? Li rememoris, kiel time kaj angore li vojaĝis tien. Li timis de fiasko. Li timis la mokon, la ŝokon. Kio estos, se la Lingvo restos senkomprena. Se oni balbutos la vortojn en la vakuon de la senkompreno? Sed ne okazis tiel. Ho, tiu bela miraĝo de la franca marbordo, ho tiu dolora, trompa espero de tiu tempo. Tiu pia silento dum la unua soleno. Atento kaj timo, angoro kaj espero de ĉiuj ĉeestantoj, same kiel liaj sentoj.

Ne, tie devis okazi ia miraklo. Li ne forgesis siajn proprajn vortojn, eterne vivantajn pro sia interna flamo:

„Mi salutas vin, karaj samideanoj, fratoj kaj fratinoj el la granda tutmonda familio, kiuj kunvenis el landoj proksimaj kaj malproksimaj, el la plej diversaj regnoj de la mondo por frate premi al si reciproke la manojn pro la nomo de la granda ideo, kiu ĉiujn nin ligas ... Tra la aero flugas misteraj fantomoj; la okuloj ilin ne vidas, sed la animo ilin sentas; ili estas imago de tempo estonta, de tempo tute nova ..."

Kaj ekflirtis la nova verdstela flago kaj eksonis la incitaj ritmoj de la Himno. Ne, eble ne tiam? Ne, tiam oni aŭdis ankoraŭ du muzikojn por la Espero. Nun oni forgesas eĉ tiun unu, kiun oni tiel entuziasme kantis.

Jen, oni ridu amare. Jen la tempo estonta, jen tio fariĝis el la rozkolora sonĝo, la fratoj kaj fratinoj nun kunvenas ĉe la Karpatoj kaj aliloke kaj la brutala internacia lingvo de la kanonoj estas komprenebla. Li sidas ĉi tie sola kun sia Lingvo. Li estas sola ankaŭ en sia hejmo momente. Kelkfoje estas bone esti sola kaj elverŝi al si la malĝojon, kiun li ne volas komuniki al siaj familianoj. Ili havas sufiĉan zorgon pri li. Li ne estas sana kaj nur kelkfoje ĝojo por eta momento ekvibrigas lian malsanan koron. Kelkfoje oni tamen ricevas etan sciigon de bonaj kamaradoj. Sed ili estas malmultaj.

Neniu estas hejme. Adamo studas. Li estos *kuracisto. Sed li certe ne dividos sin* inter du taskoj, kiel li faris. Tage malbone pagata kuracisto de la malriĉuloj, nokte la tuta mondo: la Lingvo. El la du knabinoj Lidja havas la saman koncepton, kian li. Ĉu ŝi sekvos lin? Li mem ne scias. Ŝi estas inteligenta, vigla knabino, ŝiaj interesoj saltas tien-reen.

La gazeto alvenis. En la tuta gazeto estas nur milita propagando: „Niaj soldatoj oferas sian sangon, ili malsatas kaj batalas, kaj vi kuŝas en via komforta lito dum la nokto. Vi devas oferi por la patrujo, almenaŭ monon."

Monon por la milito! Ĉu ne freneze? Sed unuloke oni ne povas haltigi la militon. Estas ia logiko en la frenezo. Sed kiel haltigi ĝin ĉie kaj egale. Oni denove revenas al la samaj pensoj, kiuj neniam estis tiel ne-realaj, kiel nun. Ho, la vivo estas mallonga!

Li provis stariĝi. Denove la pulso malaperis el la piedo. Ankaŭ lia koro estis maltrankvila. Jam delonge li ne forlasis la ĉambron. Li rigardis la malpuran straton, la gestantajn barbajn virojn kaj la kadukajn virinojn. Grizo kaj mizero, fiero kaj stulteco. Ĉu oni ne bezonus la Grandan Balailon de historio por fari ordon? *Sango, sango, sango.*

Estas terure, ke tiom da sufero koncentriĝas en la kompatinda koro de tiu grizbarbulo. Kaj tiu granda koro minacas lin ĉiam pli kaj pli. Estas terure, ke en lia laca cerbo tamburas la foraj bruoj de la fronto. Estas terure senti kaj porti la respondecon de la tuta homaro. Kun tia koro.

Li prenis digitalon. Sur la strato, ebria soldato kriaĉas kaj la judinoj preskaŭ kutime forrapidas el lia proksimo. Li promesas pogromon al ili por morgaŭ. Li ĵetas botelon al vaganta hundo. La hundo bojante kuras. Oni kaptas la kriegantan ebriulon. Invalido balancas sian kapon. Zamenhof ne plu rigardas eksteren. Li turnas sian rigardon internen. Fajro estas ĉie, sed ne tiu fajro, pri kiu li kantis foje:

> Fajron sentas mi interne —
> Vivi ankaŭ mi deziras...

Kie estas tiu fajro kaj kion donis al li la vivo? Sed ĉu li rajtas maltaksi tion, kio okazis, ĉu vere estis nur miraĝo? Ĉu vere restis nenio, nur la *sopiro*, la *rikano*, *la ŝtonoj*, la doloro kaj la malsana koro?

Ĉu li estas trompita? Ĉu la noktoj, kiujn la pala, miopa knabo pasigis super la vortaro de la nova lingvo? Ĉu tiu lingvo ne vivas? Sed ĉu ĝi vivos? Kio estos el ĝi, se la milito daŭros ankoraŭ longe? Oni ne plu kapablos pensi pri la reunuiĝo. Kiu pensas nun pri

### *PUR-KORE*

ATTILA JÓZSEF

Patron, panjon, hejmon, dion
Mi ne havas, nek patrion,
Nek lulilon, nek ĉerk-tolon,
Amon, kison aŭ brust-molon.

Mi tri tagojn fastas tute,
Jes, ne manĝis absolute!
Dudek jaroj — ho — potencas!
Ilin vendi mi intencas.

Se neniu ilin pretendos,
Al diablo mi ilin vendos:
Mi pur-kore elrabos domon,
Se necese: murdos homon.

Sekvos kapto kaj pendumo,
Kovros min benata humo,
Kreskos murdopova floro
El belega mia koro.

El la hungara: *K. Kalocsay*

---

Bulonjo? Ĉu tiu nova advokato, kiu sidis apud li tiam, ĉu li pensas pri tio? Ĉu li vivas, kaj se li vivas, kiel li pensas nun? Bulonjo. ...„Inter la gastamaj muroj de Bulonjo sur Maro kunvenis ne francoj kun angloj, ne rusoj kun poloj, sed homoj kun homoj." Kaj nun kiuj kunvenas? Bestoj kun bestoj. Rabobestoj.

Kiel li povis trompiĝi?... Strange. Kiam li parolis, li vidis sian koron en la okuloj de la aŭskultantoj. Li ne estis oratoro, kaj estis miraklo, ke li, tiu timema kaj senpretenda homo, povis kapti la korojn. Tio ne estis li, kiu levis la homojn kun la forto de la pasio, sed la Ideo. Ĝian fajron li sentis interne tiel, ke li forgesis pri tio, ke ankaŭ li deziris vivi. Kaj Londono... Tie li diris parolante pri la *suferoj de siaj samgentanoj*:

„Longe daŭros ankoraŭ la malluma nokto sur la tero, sed ne eterne ĝi daŭros. Venos la tempo, kiam la homoj ĉesos esti lupoj unuj kontraŭ la aliaj..."'

La miraĝo reaperis. Ĉu iam estos alie? Longe daŭros ankoraŭ la malluma nokto. Sed ĉu lia vivo daŭros longe?

## PANJO

ATTILA JÓZSEF

Jam de semajnoj pri patrino
Mi pensas ĉiam, kun kapklino.
Ŝi iris, nura diligento,
Kun knara korb' al subtegmento.

Kaj mi, ankoraŭ hom' sincera,
Blekis kun piedbatad' kolera :
Ŝi lasu la ŝvelajn vestojn, venu,
Al subtegmento *min* kunprenu !

Ŝi iris, mute la vestojn metis,
Ne sakris, nek rigardon ĵetis,
La vestoj, brile sur la ŝnuro,
Al alto flirtis kun susuro.

Nun mi ne blekus : pent' malfruanta.
Mi vidas : estas ŝi giganta,
Per nub' la grizajn harojn volvas,
Bluigilon en ĉielakvo solvas.

El la hungara : *K. Kalocsay*

## LA PORKPAŜTISTO

ATTILA JÓZSEF

Mia grego — greg' elita,
Ĉies vosto — ondizita.
Naze, laŭ hungara moro,
Brilas eta drat' el oro.

Porkidino ĉe mi estas :
Grafidino — mi atestas !
Ŝi en akvo sin admiras,
Foje-foje eĉ suspiras.

Kaj virporkon mi posedas !
Li al milda vorto cedas,
Sed per rostro, mi ne ŝercas,
Ŝtonkastelon li renversas !

Mia vip' kun kupra ringo
Tiel fulmas ĉe l' eksvingo,
Ke gregiĝas ĉiuj nuboj,
Hej, malsekos multaj jupoj !

El la hungara : *K. Kalocsay*

---

En la sensenta piedo la sangcirkulo subite ekfunkciis, la koro malpeziĝis kaj la optimismo vekiĝis en la malsanulo. La homoj estas origine bonaj. Ili estas malsanaj. Oni devas ilin kuraci. Ne nur mia koro doloras. Trans mi kaj post mi estas homoj, homoj multaj. Oni devas konstrui la ponton inter la vivoj ĝismorte, ke oni detruu la morton ; la ponton ni konstruu inter rasoj, gentoj, nacioj.

Malrapide li trenis sin al la skribotablo kaj eksidis antaŭ ĝi. Sur la malbona, militkriza, grizeca papero li komencis skribi tion, kion lia malsana, kompatinda, optimista koro diktis al la tremantaj manoj ; la manoj obeis kaj la linioj fariĝis pli kaj pli certaj :

„Alvoko al la diplomatoj !"

Super Varsovio flugis malamika aeroplano. La homoj helpserĉante kuradis. Kozaktrupoj marŝis en la urbo. Eble oni denove ĵetos ŝtonon kontraŭ lia fenestro. Sed li estis sola kaj li estis nun kune kun la tuta mondo. Li rulis en si la grandan volon, pezajn vortojn. Ĉu estos iu, kiu transprenos ilin iam ? Ĉu estos eĥo post tiuj vortoj ? Kiu scias ? La novembra suno lace ekbrilis inter la palaj nuboj. Ĝi aspektis duba. Sed Zamenhof rapidis skribi. Li volis esti preta, antaŭ ol la familio hejmenvenos. Li skribis senembarase ĝis la lastaj vortoj :

„Sinjoroj diplomatoj ! Post la terura eksterma milito, kiu starigis la homaron pli malalten ol la plej sovaĝaj bestoj, Eŭropo atendas de vi pacon. Ĝi atendas ne kelktempan paciĝon, sed pacon konstantan, kiu konvenas al la civilizita homa raso. Sed memoru, memoru,ke la sola rimedo por atingi la pacon, estas forigi unu fojon por ĉiam la ĉefan kaŭzon de la milito, la barbaran restaĵon el la plej antikva antaŭcivilizacia tempo, la regadon de unuj gentoj super aliaj gentoj."

La plumo haltis. La ŝlosilo en la seruro de la antaŭĉambro ekknaris. Iu venis hejmen. Bone, ke li finis la laboron por hodiaŭ. Oni volas, ke li ripozu laŭeble plej multe. Zamenhof lace ridetis kaj ekkuŝis sur la sofo, ŝajnigante, ke li kuŝis tie dum la tuta tempo. Nun li povis ripozi.

# BUDAPEŜTA KRISTNASKO, 1944

L. TÁRKONY

La tramo haltis. Nu, tiu halto apenaŭ iom diferencis de la antaŭa marŝo: tiel limake ĝi trenis sin inter la tumulta tohuvabohuo de tramoj, aŭtoj, ŝarĝveturiloj, tankoj, ĉaroj, kiuj kaose inundis el la direkto de la ponto kaj strebis febre al la landvojo kuranta al okcidento, ĉiam al okcidento... Pasis la kvina horo, la krepusko komencis densiĝi, en la interno de la tramo blinde vibretis kelkaj elektraj lampoj kovritaj per ŝirmiloj, kiuj malpliigis ilian lumon, ankaŭ la tramfenestrojn kovris malpuraj nigraj kaj malhelbluaj paperoj. En la mizera lumo regis ia kripto-atmosfero: la malgrasaj vizaĝoj palis kretblanke, la vortoj falis mallaŭte, singarde, nenies vizaĝon vigligis rideto. La halto faris la fermitecon ankoraŭ malpli eltenebla,

Luko leviĝis kaj eliris antaŭen, apud la tramgvidiston, kie oni devis stari sufiĉe premite en plena mallumo, sed kie almenaŭ oni spiris pli freŝan aeron, kaj la okulojn, kutimiĝintajn al la obtuza stratlumo, iom distris la panoramo de la fuĝanta malamika armeo. Kaj la cerbon de Luko hantis aliaj bildoj, pri tiu sunluma aprila dimanĉo, antaŭ tri jaroj, kiam unue ekvidis ĉi tiu urbo la timigajn kirasitajn diviziojn orgojle ekirintajn por la konkero de la mondo... Kiel fieraĉe kaj venkocerte ili tondris tiam sur la pavimo de la senhonorigita urbo, kaj kiel brulis tiam lia vizaĝo pro angora ekscitiĝo kaj honto! Nun lian vizaĝon, velkigitan per la turmentoj de nesufiĉa nutrado kaj dumbombardaj tranoktoj, kolorigis malforta ruĝo de apenaŭ kaŝita ĝojo, kiam li vidis la polvokovritajn, kotajn, difektiĝintajn veturilojn, kiuj peze anhelante sercas lastan ŝancon por eskapi el la fermiĝanta ringo de la fato, por fuĝi la juste vekitan koleron de la popoloj, kies amo al la libero mortvundis la atakintan bestion...

Nun, inter la breĉoj de la freneza tumulto, proksimiĝis homgrupo: eble cento da viroj kaj virinoj, kun kofro aŭ pakaĵo en la mano, kun kurbaj, froste kuntiritaj dorsoj, kiuj — kiel la fero la fulmojn — kvazaŭ incite altiris la vipojn de la fato, virinoj kaj viroj en monotone muta marŝo kun tragike hastaj paŝoj, kun okuloj turnitaj al la tero (ja, kien ili turnus sin por helpo?) kaj duflanke eskortataj de mornaj policistoj kaj sovaĝmienaj nacistoj. Kaj sur la brustoj, super la tremetantaj koroj, tra la kreskinta mallumo, hontige ardis la flavaj makuloj de la barbareco. Luko mallevis la okulojn, neniam li povis renkonti tiun distingilon sen ia interna skuiĝo, sen ia honto-sento, kvazaŭ li mem portus ĝin, aŭ li mem estus respondeca pri ĝi. Kaj li rememoris, ke knabaĝe li legis pri tio aŭ vidis ĝin en teatraĵo; tiam ĝi ŝajnis al li ia kurioza monstraĵo el epoko barbara, sed feliĉe jam delonge forpasinta. Kaj post la teatro estis bone reveni al la bone hejtita, bone lumigita hejmo, reveni al la civilizo. Sed kie nun la civilizo, kie la lumoj? Subite trafulmis lin rememoro: kiam, antaŭ monatoj, li unuafoje ekvidis ĝin sur la brusto de amikino, apenaŭ li povis maski sian internan ĝenon, sian kulposenton, kvazaŭ li estus ŝin vangofrapinta. Li frostotremis, ĉu eble ankaŭ ŝi marŝas nun ĉi tie? Denove li okulfiksis la grupon, angore, esplorante. Ili nun estis sufiĉe proksime, ĝuste preterirontaj la tramon. Lia rigardo tuŝis maljunulon, kiu videble jam apenaŭ povis elteni. Subite li falis surgenuen, lia ajaro disĵetiĝis kaj en la tuta korpo tremetante li ŝajnis atendi ian miraklon. Nun saltis al li juna nacisto, por momento videblis lia larĝa, stumpnaza vizaĝo, li estis unu el la edukitoj de la gengsterfilmoj kaj de la pif-puf-romanoj, kaj piedfrapis en la maljunulon, kiu sterniĝis kiel eluzita, forĵetita ĉifono. — Estas tamen senhome — aŭdiĝis voĉo el la obskuro, Luko vidis la profilon de maljuniĝanta hungara soldato staranta inter grupo sur la trotuaro, kiuj mute rigardis la scenon, sed subite ekfulmo blindigis liajn okulojn kaj tondro tremigis liajn orelojn, la nazmuŝkula bandito pafis sur la soldaton, kiu ruliĝis sur la pavimon. — La Nova Eŭropa Ordo — siblis voĉo apud

Luko. — Nu, ĝi jam ne daŭros longe! — Li rigardis flanken, lia rigardo trafis la kolerajn, indigniĝintajn okulojn de liphara, aĝa viro, de sur kies lipoj pendis aliaj vortoj eruptontaj. Sed nun la tramo subite ekiris, la homoj, starantaj sur la perono, ricevis fortan puŝon, la surstrata sceno dronis en la mallumo. En la tramo regis muta konsterno, oni simulis, kvazaŭ oni estus rimarkinta nenion. Luko kaj la fremdulo proksimiĝis unu al la alia, evitante novan renkontiĝon de la rigardoj. Kiu scias? eble provokagento.

*

La tramo alvenis tute proksime al la ponto. Ĉi tie la kaoso atingis sian kulminon. Ja, ŝajnis vana ĉia fortostreĉo por regi la senordan fuĝon, preskaŭ tretante unu la alian kuris la tankoj, kvazaŭ skurĝate de ia giganta vipo. Kaj la muĝo de la kanonoj, kiu jam de kelkaj tagoj el la foro fantome hantis la inkubajn sonĝojn de la febra urbo, nun iĝis surprize forta kaj klara. Nun el la mallumo emerĝis la fieraj konturoj de la ponto. La Ponto! Lia Ponto! Jes, li amis ankaŭ la aliajn ses pontojn, al kelkaj el ili eĉ ligis lin certaj rememoroj. Sed kun la Elizabetaponto li estis en tute proksima persona rilato. Kiel tio devenis, li jam ne sciis. Li rememoris nur, ke jam knabaĝe li estis pri ĝi speciale fiera, al siaj eksterlandaj amikoj li sendadis pri ĝi poŝtkartojn, aldonante precizajn mezurojn pri ĝia admirinda svelta, unika arko. Kaj li estis ofendita, se la amiko, en sia respondo, ne laŭdis sufiĉe lian favoraton... Nun, en liaj rememoroj, la Ponto kunfandiĝis kun lia junaĝo. Tiutempe ili loĝis konstante en ĝia proksimo, ankaŭ la gimnazio, kiun li dum ok jaroj vizitis ĉiutage, situis en ĝia proksima najbareco. Somere sur ĝi li iris al la naĝejo, unu el la plezuregoj en lia vivo de malriĉa lernanto. Kaj iun tagon sur tiu ĉi ponto venis lia patro kaj lin hejmenportis el la naĝejo por trankviligi la patrinon, ĉar nelonge post lia foriro el la hejmo ekfuriozis detrue forta ciklono kaj lia patrino angoris pri lia sorto. Nun ili jam kuŝas en la humo de la moldeklivaj montetoj de Buda, sed se li iris tra la ponto, li sentis pli vivaj la ligilojn, kiuj lin kroĉis al la mortintoj.

Unu pli forta kanonbruo lin vekis el lia revado. Nun li rimarkis, ke la tramo jam sur la ponto sin trenas. Tra la maldensa nebulo mistere glimbrilis la arĝentaj ondoj de la maljuna Danubo. Do denove vidos historiajn tagojn la multsperta rivero! Kaj aŭtomate murmuris liaj lipoj la vortojn de la poeto:

## BETLEHEMAJ REĜOJ

ATTILA JÓZSEF

Jesueto, Jesuet', glor' al vi!
Jen ni estas, Reĝoj Tri.
Flama stel' nin supre gvidis,
Ni piediris, ĉar ni rapidis.
Ŝafo diris kaj ŝafisto:
Tie ĉi loĝas Jesu-Kristo.
Jen mi: reĝo Melhior'
Helpu, dolĉa Di-sinjor'!

Bonan tagon, Di-filet', Di-filet',
Ĉielregno, Elaĉet'!
Ni ne estas pastroj ŝimaj,
Vidi vin venis, malproksimaj.
Ekaŭdinte pri l' naskiĝo,
Reĝ' de homoj de malriĉo!
Jen Kaspar' kun sia preĝ':
Tiaspeca tera reĝ'.

Ĉion bonan, ho Savant', ho Savant'!
Venis ni el varma land'.
Vakaj niaj viando-potoj,
Ŝrumpis brilaj niaj botoj,
Sed jen da oro ses manplatoj,
Da incenso dekdu pladoj,
Kaj jen mi mem, Baltazar':
Reĝo de saracenar'.

Ruĝiĝadas Mariet', Mariet',
Panjo beata, liliet'.
En la sin' Jesuĉjo sidas,
Lin pro larm' ŝi apenaŭ vidas,
Sonas la paŝtistmuziko,
Tempo jam estus por suĉigo.
Karaj bonaj Reĝoj Tri,
Bonan nokton diras mi.

El la hungara: *K. Kalocsay*

„. . . tra tempoj senlimaj ĝi fluas, jarcentojn
sekvas jarcentoj,
milito eksterminas, paco benas, naskiĝas, pereas
homgentoj
kaj ĝi rulas la akvon, la flavan, majestan, potencan
akvokoloson . . ."

Subite liaj okuloj fiksiĝis al kelkaj homfiguroj, kiuj ŝajne ion manipulis sur la elegantaj apogkolonoj de la ponto. Estis germanaj soldatoj. Li streĉis siajn okulojn por pli bone vidi: malgrandajn pakaĵetojn ili ŝnurligis al la feraj stangkolonoj, aliaj soldatoj priatentis la piedirantojn kaj krude instigis ilin al pli rapida marŝado. Jen, kvazaŭ fulmo lin frapus, premiĝis lia koro: ekrazito! La banditoj! la mizeraj banditoj! Jes, la forta kanonbruo, la ankoraŭ neniam vidita amasiĝo de fuĝantaj veturiloj, ĉio ĉi jam perfidis la proksiman finon de la dramo. Kaj laste, el milita vidpunkto tute senutile, sed pro nura malamo kaj envio, ili volas murdi la pontojn, la nervojn de la urbo, ili volas murdi lian ponton, lian animon! Torpore pro malamo kaj doloro de senpovo li rigardis la mornvizaĝajn, sovaĝajn figurojn ĝis la tramo forlasis la ponton. Kaj senmove, preskaŭ sveninte li kroĉiĝis al la flanko de la tramo, ĝis ĝi portis lin al lia celo.

*

Oni jam atendis lin, la vespermanĝo estis preta. Li transdonis sian kristnaskan donacon, kiu ĉijare adaptiĝis al la cirkonstancoj, konsistante el viandkonservaĵoj kaj cigaredoj. Li altabliĝis kaj ŝtele esploris la vizaĝojn. Amikeca familia rondo, unu el tiuj, kiuj kutimas inviti solulojn al la kristnask-vespero por donaci al ili el sia abunda familia varmo . . . Sed nun la vizaĝoj esprimis triston kaj maltrankvilon. La antaŭenjetita ombro de la okazontaĵoj peze ŝvebis en la ĉambro, kaj unu el la filoj estis soldato, kaj kiu scias, eble nur kelkaj horoj pasos kaj li estos sur la *transa* flanko . . . Post la fino de la vespermanĝo kun senvorta interkompreniĝo ili paŝis al la radio kaj avide glutis la novaĵojn de la sekreta libera radio: ĝi konfirmis la jam klare komprenatan fakton, ke fermiĝis la ringo ĉirkaŭ la urbo. Sed jam estis malfrue kaj Luko volis provi en la mallumo la reiron al sia hejmo. Sed oni ne lasis lin foriri kaj preparis por li kuŝejon en la manĝoĉambro. Elĉerpite de la ekscitiĝo, oni baldaŭ enlitiĝis.

Luko ne povis endormiĝi. Komence li frostotremis en la nehejtita ĉambro, sed la dikaj kovriloj iom post iom varmigis liajn frostajn membrojn. Sed neniom cedis la streĉiĝo de liaj nervoj. En rapida sinsekvo pelis unu la alian bildoj pri la okazintaĵoj de la lastaj tagoj: la alvoko de la oficejestroj, iri kun la kontoro al okcidento. Lia rifuzo... Liaj planoj por kaŝi sin okaze de deviga evakuo. Feliĉe por tio ili jam ne havis tempon! Lia senpova projektado, gliti tra la frontlinio al la tendaro de la liberigantoj. Sed li tro konsciis pri la nesufiĉeco de siaj korpa forto kaj lerto por povi entrepreni tian taskon. Kaj nun li kuŝas ĉi tie, aŭskultante la ĉiam plifortiĝantan kanonbruon, kaj eble nur horoj disigas lin de tio, jes, de kio" Li turnis sin, el lia kuŝejo li povis vidi tra la fenestro. En la subo de la horizonto ek-ekfulmis la fajraj faŭkoj de la kanonoj. Jes, tie estas la linio kaj ĝi venas ĉiam pli proksimen, pli proksimen. Jes, tiu nokto ne estas por dormo: necesas atenti, gardi sin, ĉar tie la linio moviĝas antaŭen, kaj post tiu linio, dum akuŝo en sango kaj fajro, sin nutrante per senmezuraj homaj suferoj kaj larmoj, konstruiĝante sur la homa volo kaj menso, krepuskas la purpur-espera aŭroro de la Nova Mondo!

## KANTO

*Percy Bysshe Shelley*

Funebre sidas sur la vintra branĉo
Vidvina, trista gru':
Super ĝi vent' kun frosta tranĉo,
Sub ĝi glacia flu'.

Nenia floro sur la kalva tero,
Nudas la arb', sen tril',
Silento pendas en l'aero
Kaj zumo de muelil'.

El la angla: *L. Tárkony*

# SUNRADIETOJ

*Burleskaĵo en unu akto*

**Ĉikarkov**

*(Personoj : Klaŭdia Novikova, Stjepan Birjozkin.)*

**Klaŭdia** *(pakas aĵojn en grandan kofron)*: Oni eĉ ne rimarkas, kiom da fatrasoj kolektiĝas iom post iom. Antaŭ kvar jaroj mi venis ĉi tien kun malgranda valizo, kaj eĉ tiu ne estis plena . . . dum nun eĉ la granda estas nesufiĉa. Terure, kiom da neniaĵoj ! Oni tamen ne povas lasi ilin ĉi tie . . . *(Ŝi prenasmetas librojn sur la librobreto.)* Libro pruntita, redonota . . . mia libro . . . mia libro . . . la ceteraj apartenas al Stjepan. El ĝentileco li ne repetis ilin, poste verŝajne li forgesis . . . *(Ŝi meditas.)* Kiel distrita homo ! Li promesis, ke li venos hodiaŭ por la libroj . . . Eble li forgesis ankaŭ tion . . . *(Plu ŝi metadas en la kofron, poste ŝi levas ĝin.)* Fu, kiel peza ! Ĝi povas esti unu kvintalo. *(Iu frapas.)* Li tamen rememoris ? *(Laŭte.)* Eniru ! *(Enpaŝas Birjozkin.)*

**Birjozkin :** Saluton, Klava . . . Tio estas : Mi havas la honoron, sinjorino doktoro !

**Klaŭdia :** Bonan tagon, sinjoro doktoro, mi jam kredis, ke vi ne venos . . . Sidiĝu.

**Birjozkin :** Nur por momento . . . mi ne volas vin ĝeni.

**Klaŭdia :** Vi min ne ĝenas . . . Vidu, jen viaj libroj.

**Birjozkin :** Kiujn vi bezonas el ili, tiuj restu . . .

**Klaŭdia :** Ne, tute ne, mi dankas, mi jam neniun bezonas . . . Helpu fermi la kofron.

**Birjozkin** *(helpas)* : Kiam vi vojaĝos?

**Klaŭdia :** Morgaŭ matene. Tial mi volis ĉion kunpaki trankvile jam hodiaŭ.

**Birjozkin :** Ankaŭ mi vojaĝos morgaŭ matene. Je kioma horo vi ?

**Klaŭdia :** Je la oka kaj kvindek kvin.

**Birjozkin :** Mi je la oka kaj dek kvin. Ho jes, Klava, mi ĉiam forgesas demandi — kien oni vin nomumis ?

**Klaŭdia :** Al Kursk . . . Kaj vin ?

**Birjozkin :** Al Smolensk.

**Klaŭdia :** Mi laboros en la Traŭmatologia Instituto . . .

**Birjozkin :** Do vi dediĉas vin al la traŭmatologio ?

**Klaŭdia :** Jes . . . Imagu ja . . . Iun trafas akcidento kaj li kripliĝas. Li sentas, ke lia vivo havas plu nek celon nek enhavon . . . Kaj tiam venas mi . . . Venas ni, traŭmatologoj, kaj redonas tiun malfeliĉulon al la vivo, al la laboro, al la ĝojoj de la vivo. Ĉu tio ne estas grandioza ?

**Birjozkin :** Vere, tre interesa. Sed mi jam elektis alian laboron.

**Klaŭdia :** Kion ?

**Birjozkin :** La sangotransfluigon . . . Jam kiel studento mi observis, kiajn mirindajn rezultojn oni atingas per ĝi eĉ en la plej komplikitaj kazoj . . . Kaj al kiom da vunditoj oni savis la vivon . . .

**Klaŭdia** *(medite)* : Mi ja ne kontestas, ankaŭ tio estas tre interesa . . . Entute . . . kiel multe da interesa laboro nin atendas ! *(Ŝi bone rigardas Stjepanon.)* Vi certe fariĝos profesoro . . . Kaj tiam vi eĉ ne rememoros la universitaton, kaj la kolegojn, ĉu ne ? . . .

**Birjozkin :** Kiel vi povas eĉ imagi tion ! Neniam mi forgesos . . .

**Klaŭdia :** Nek mi . . . Neniam . . . Se mi pripensas : antaŭ kvin jaroj mi estis blankbekulino, kaj nun . . . sinjorino doktoro . .

**Birjozkin :** Jes ja. Mi ricevis leteron de mia panjo . . . Ŝi estis la unua, kiu titolis min doktoro . . . Mi imagas al mi, kiel ŝi ĝojis, ke ŝi povas skribi sur la koverton per grandaj literoj — Doktoro Stjepan Birjozkin . . .

**Klaŭdia :** Sinjoro doktoro, ĉu vi ordonas teon ?

**Birjozkin :** Ne, ne penu . . .

**Klaŭdia :** Mi vin petas, ne afektu . . . Vi teos kun mi. Dum mi pretigos la teon, legu ĉi tiun novelon, ĝi estas tute lerta . . . *(Ŝi eliras.)*

**Birjozkin** *(formetas la gazeton, kiun Klaŭdia donis en lian manon, iras tien kaj reen. Medite)* : Forvojaĝos la knabineto, ŝi vojaĝos al Kursk. Kiu scias, ĉu mi ŝin revidos iam ? . . . Eta Klava . . . *(Li pripensas.)* Propre min ĉiam interesis la traŭmatologio . . . Mi eĉ

havis ian ideon pri membro-protezo . . . Pri la sangotransfluigo mi povus okupiĝi ankaŭ flanke, se mi laborus en Kursk kune kun Klaŭdia . . . Kial ne? *(Prenas la telefonon, diskas.)* Du-dekunu-dudeknaŭ . . . Jes. Persona sekcio? Mi petas direktoron Denisenko . . . *(Iom li balbutas.)* Kamarado Denisenko? Bonan tagon, ĉi tie doktoro Birjozkin, kiun oni sendis al Smolensk. Kara kamarado Denisenko, mi havus grandan peton: transloku min al Kursk . . . jes . . . al Kursk . . . Nome, mi volus, kune kun iu kolego, okupiĝi pri traŭmatologio. *(Pli flue.)* Nome, en Kursk mi povus fini la prilaboron de mia ideo koncerne la gliitigeblan apogbandaĝon . . . jes . . . ĉe la distorso de genuo kaj kokso . . . Mi tre petas . . . faru tion al mi, se iel eble . . . Mi komprenas, ne estas facile nun, en la lasta momento, sed mi havas tre gravajn motivojn . . . Kiel vi bonvolas? Ke vi konsideros la aferon? Jes-jes . . . Do se troviĝos kolego, kiu irus prefere al Smolensk, ni povus interŝanĝi . . . bonege . . . mi do povas esperi . . . jes . . . mi atendos . . . mi telefonos, ankaŭ ĝis tiam mil dankojn kaj pardonojn . . . *(Li demetas la parolilon.)* Bonŝance, ĉiuj branĉoj de la medicino estas parencaj . . . Kompreneble, ke troviĝos brava kolego, kiu konsentos interŝanĝi . . . Kaj tiam mi surprizos Klavan. *(Li rolas.)* Ha, Klavinjo, imagu, kia hazardo . . . Ankaŭ min oni translokis al Kursk . . . absolute senatende . . . *(Reve.)* Ŝi ekridetos, min alrigardos . . .

**Klaŭdia** *(venas kun la te-kruĉo):* Jen, vidu, kiel rapide ĝi pretiĝis . . . Ĉu vi ĝin legis? Bone verkita, ĉu ne?

**Birjozkin:** Bonege!

**Klaŭdia** *(volas elverŝi la teon, kaj tiam ŝi rimarkas, ke en la ujo mankas sukero):* Ej, mi forgesis . . . Unu momenton vi ankoraŭ devas atendi je la teo . . . tuj mi alportos sukeron . . . ĉi tie en la domo estas spicisto . . . Jen, legu dume ankoraŭ ion . . .

**Birjozkin** *(retenas ŝin):* Restu, Klavinjo, ĝin alportos mi. Vi ja ne kurados por ĉio, dum mi sidos ĉi tie kiel sinjoro . . . Mia principo estas la labordivido . . .

**Klaŭdia:** Nu, se vi volas . . . Aĉetu dek dekagramojn da sukero . . . Jen la mono . . .

**Birjozkin:** Eh, lasu, mi petas, reprenu ĝin bele. Do — dek kilogramoj da sukero . . .

**Klaŭdia:** Ne kilogramoj, vi malfeliĉa . . .

**Birjozkin:** Bone, bone . . . tuj mi revenos. *(Li forkuras.)*

**Klaŭdia** *(sola):* Morgaŭ matene, en precize la sama horo, disiĝas niaj vagonaroj . . . unu ĉi tien, la alia tien, ĝis neniam-plu revido . . . Ĉu ne terure? Neniam plu vidi lian naivan, distritan rideton . . . liajn fidelajn okulojn . . . Ne eble, Stjeĉjo, kara mia . . . *(Medite.)* Jes, kompreneble . . . *(Ŝi prenas la parolilon, diskas.)* Du-dekunu-dudeknaŭ . . . Persona sekcio? Mi petas direktoron Denisenko . . . Ĉu vi, kamarado Denisenko? . . . Ĉi tie doktoro Novikova . . . Jes, doktoro Novikova. Grandan peton mi havus al vi, kamarado direktoro . . . Kiel diri? Temas pri tio, ke oni sendas min al Kursk, sed mi dezirus al Smolensk . . . El kia motivo? . . . Privata afero . . . Kion vi diras? Ke tio estas komprenebla? Ĉu la indikojn? Jes, mi petas . . . Novikova . . . el Kursk, jes, el Kursk, al Smolensk . . . Tre, tre mi dezirus . . . jes, por la sama fako . . . *(Jubile.)* Ĉu vere? Mi havas jam permeson? Mi dankas, mi estas ege danka, terure danka . . Jes, jes, kompreneble morgaŭ matene mi vojaĝos . . Refoje mil dankojn . . . *(Ŝi remetas la parolilon.)* Kia grandioza homo, ĉi tiu Denisenko! Ĉion li aranĝis preskaŭ dum momentoj . . . Do ankaŭ mi iros al Smolensk . . . Kiel Stjeĉjo miregos . . . Estos granda surprizo . . . Kiel li ĝojos . . . *(Medite.)* Sed ĉu vere li ĝojos?

**Birjozkin** *(venas kun pakaĵoj kaj floroj: li transdonas la florojn):* Jen la sukero!

**Klaŭdia:** Ĉi tio, laŭ vi, sukero?

**Birjozkin:** Ĉi tio por la teo, kaj ĉi tio . . . *(Subite.)* Klavinjo, ekstere vin atendas la najbarino . . . ŝi petas vin eliri . . .

**Klaŭdia:** Tuj mi demandos ŝin. — Stjeĉjo, vi atendu ankoraŭ momenton . . .

**Birjozkin:** Kompreneble, mi atendos, iru do . . .

*(Klaŭdia eliras, Birjozkin kuregas al la telefono kaj diskas.)*

**Birjozkin:** Du-dekunu-dudeknaŭ? Kamarado Denisenko? Ĉi tie ree mi . . . doktoro Birjozkin . . . Mi petis vin, ke vi min transloku el Smolensk al Kursk . . . Kiel? Jam aranĝite? Do troviĝis kolego, kiu estas ema

interŝanĝi ? . . . Grandioze ! Treege, treege mi dankas, kamarado Denisenko . . . Kolose danka mi estas . . . *(Li demetas la parolilon.)* Kiel brava homo estas tiu Denisenko . . . vere ne burokrato . . . Oni diras, ke en Kursk bele kantas la najtingalo . . . *(Li fajfadas.)* Eta najtingalo trilas . . .

*(Venas Klaŭdia.)*

**Klaŭdia :** Sed, Stjeĉjo, neniu min serĉis.

**Birjozkin :** Ĉu vere ? . . . Mi do eraris . . .

**Klaŭdia :** Kompreneble, vi estas ja la statuo de la distriteco . . . Nu, ni sidiĝu fine ĉe tiu teo . . . ĉu vi amas ĝin forta ?

**Birjozkin :** Egale . . . Klava ,ĉu vi scias, ke mi jam faris tute memstare operacion ? Je mia honoro ! Nokte oni enportis pacienton . . . kun pusa apendicito . . . La deĵora kirurgo laboris pri iu alia . . . Mi mem faris la operacion, sola . . . Vi povas imagi, kiel ekscitita mi estis . . . Bela juna knabino estis la paciento . . .

**Klaŭdia :** Je-es ? Bela, kaj ankaŭ juna ?

**Birjozkin :** Jes. La tuta vivo ankoraŭ estas antaŭ ŝi . . . Kaj dependis de mi, de mia scio, de mia lerto, ĉu ŝi plu vivos . . . Post la operacio la malsanulino fartis pli bone, sed mia farto iĝis tre malbona . . . pro la ekscitiĝo . . . Nu, la ĉefa afero estas, ke la operacio sukcesis, la paciento saniĝis.

**Klaŭdia :** Kaj ĉu ŝi dankis al vi ?

**Birjozkin :** Certe, certe, ŝi varmege dankis . . . Sed precipe danka estis ŝia fianĉo . . . Do, ĉio prosperis bonege.

**Klaŭdia** *(ekspiras senpeziĝe)* : Fakte, ĉio bonege . . . vi helpis pri paro de geamantoj . . . Ĉu mi donu ankoraŭ teon ?

**Birjozkin :** Ne, mi dankas, mi ne petas pli.

*(Paŭzo.)*

**Klaŭdia :** Mi esperas, ke ankaŭ de nun vi sukcesos pri ĉiu via operacio.

**Birjozkin :** Jes, ankaŭ mi esperas.

*(Paŭzo.)*

**Birjozkin :** Vi estos bona kuracisto.

**Klaŭdia :** Kial vi tion opinias ?

**Birjozkin :** Nu, nur ial . . . Kaj krome, ankaŭ nia komuna laboro . . . Ĝi estis utila . . . ĉiamaniere . . . Hm . . . Mi kvazaŭ bedaŭras, ke ni ne povas kune labori ankaŭ plue . . . *(Li flankenturniĝas ridetante.)*

**Klaŭdia** *(klopodas ne ridi)* : Certe, certe, ni estos tre malproksime unu de l' alia . . .

**Birjozkin** *(stariĝas)* : Klava, mi iras, mi enpakos . . .

**Klaŭdia** *(transdonas la librojn)* : Jen viaj libroj . . .

**Birjozkin :** Mi dankas. Nu . . . do . . . mi deziras al vi, Klavinjo, ĉion bonan, multajn sukcesojn . . .

**Klaŭdia :** Ankaŭ mi al vi, ĉion plej bonan. . . . Nu, kaj poste skribu al mi, al Kursk . . .

**Birjozkin :** Kaj vi al mi . . . al Smolensk . . . ĉu bone ?

**Klaŭdia :** Tute certe . . .

**Birjozkin :** Sed diru, ĉu ne estos malfacile porti tiun grandan kofron ?

---

## LA ASTRONOMO

L. N. NEWELL

Li sidis kaj gestadis per stelmapo,
Sen ekscitiĝ', komforte sur kanapo ;
Sed brilis liaj okulvitroj stele.
Malantaŭ li en procesi' bobele
Fluadis lajd' el astroj kaj planedoj,
Dum li parolis pri la pens-ekspedoj
Mezen de l' spaco, kaj pri l' kalendaroj
De l' kosmo, la homflataj lumojaroj,
Kiuj aplikas skalon al Senfino ,
Pri Andromed', soleca virgulino,
Kiu drivadas tra l' malplen' fiera ;
Kaj li debatis, ĉu nuanc', mistere
Misloka en la lumospektro, pruvas
Ke ŝi, dum la Eterno tempopluvas,
En fuĝo al mallum' momente brilas.
Aŭ tie en ĉiama glor' stabilas.
Pri Betelgez', fantoma lum' giganta,
Imperiestre tra l' stelar' ŝvebanta,
Parolis li ; kaj pri la nigraj truoj
En la ĉiel-tapiŝo — vid-vakuoj
El polvo de la praforĝej' de l' astroj.
Priskribis li la froston de la vastoj
Mortegaj, kie mil mondaroj fluas
Post mil mondaroj ; kie rivoluas
Radia galaksi' post galaksio
Ĝis nepenseblaj kampoj de l' Nenio,
Kie la homa menso terurite
En paralizo diseriĝas splite.
Kaj mi rimarkis, kun konsterna gapo,
Ke l' Universon tenas homa kapo.

**Klaŭdia:** Ne, konfidu tion nur al mi... mi arangos iel... estos tie portisto...

**Birjozkin:** Sed se eble ne estos... Mi diras ion, Klava, mi venos vin akompani al la vagonaro... Ĝi estos ja ankaŭ la mia...

**Klaŭdia:** Mi dankas, Stjeĉjo, sed ne eble, vi malfruos vian vagonaron... Tiu ja ekiros kvardek minutojn pli frue...

**Birjozkin:** Ho ne, ĝi ekiros precize samtempe... Tio estas... mi vojaĝos ne tiam ...kiam tiu vagonaro, sed...

**Klaŭdia:** Do kiam?... Mi ne komprenas...

**Birjozkin:** Tiam, kiam la via... je la oka kaj kvindek, al Kursk...

**Klaŭdia:** Ĉiam ankoraŭ mi ne komprenas. ...Sed kien do vi vojaĝos?

**Birjozkin:** Al Kursk...

**Klaŭdia:** Al Kursk? Ĉu do ne al Smolensk? Ne... ree vi estas terure distrita... Oni ja sendis vin al Smolensk...

**Birjozkin:** Jes, sed poste oni translokis min al Kursk... Dio scias, kion volas tiu persona sekcio... jen tiel, jen tiel... diablo vidas klare...

**Klaŭdia** *(per malforta voĉo)*: Stjeĉjo... donu al mi dozon da valeriano, dek kvin gutojn... *(Birjozkin ne komprenas, sed dozas la deziritajn gutojn. Klaŭdia ilin trinkas kaj, jam pli trankvila, daŭrigas.)* Nu certe, estas vere, ke neniel oni povas orientiĝi pri la intencoj de tiu nia persona sekcio... jen ĉi tien, jen tien oni ĵetadas la homojn... Ankaŭ min... ĵus nun... al Smolensk... *(Birjozkin sidiĝas preskaŭ retrofalante.)* Stjeĉjo, kio estas al vi? *(Rapide ŝi prenas la botelon, dozas la koro-fortigajn gutojn, alverŝas akvon kaj transdonas al Birjozkin.)*

**Birjozkin** *(eltrinkas ĝin, suspiras)*: Klava, diru... sed, mi vin petas, estu sincera... Kiam oni translokis vin el Kursk al Smolensk?

**Klaŭdia:** Antaŭ nelonge... Nur hodiaŭ...

**Birjozkin:** Ankaŭ min... ĝuste hodiaŭ oni translokis el Smolensk al Kursk...

*(Paŭzo.)*

**Klaŭdia:** Steĉjo, diru, sed tute sincere... ĉu vi telefonis al Denisenko?

**Birjozkin:** Jes... kaj vi?

**Klaŭdia:** Ankaŭ mi... sed vi... kial vi telefonis?

## .. SE MORTOS MI, HO KARA ... ..

*Christina Georgina Rossetti*

Se mortos mi, ho kara,
Ne kantu kantojn tombajn;
Ĉe l' kap' ne plantu rozojn,
Nek cipres-arbojn ombrajn:
Kun pluv' kaj roso super mi
Nur verda herbo pezu:
Memoru, se vi volas,
Se volas vi, forgesu.

Ne vidos mi la ombrojn,
La pluvon mi ne sentos,
Nek aŭdos mi la najtingalon,
Kiu ĉe l' tomb' lamentos:
Sonĝante tra l' krepusko
Kiu neniam ĉesos,
Eble mi rememoros,
Kaj eble mi forgesos.

El la angla: *L. Tárkony*

---

**Birjozkin:** Ĉu vi ne komprenas?

**Klaŭdia** *(ridetas)*: Mi komprenas... Diru, de kiam vi amas min?

**Birjozkin:** De nia duajara studenteco...

**Klaŭdia:** Mi jam de mia unujara... *(Li ĉirkaŭbrakas ŝin.)* Kara mia, do kien ni vojaĝos?

**Birjozkin:** Egale, se nur ni restos kune... Ni telefonu al Denisenko...

**Klaŭdia:** Jes, tuj, senprokraste. Povas esti, ke li koleriĝos... sed se ankaŭ li estis iam enamiĝinta, eble li komprenos... *(Ŝi diskas.)* Du-dekunu-deknaŭ? Jes? Kamarado Denisenko? Ĉi tie parolas denove mi... tio estas denove ni... jes-jes... doktoro Novikova kaj doktoro Birjozkin... Kamarado Denisenko, ni, tio estas, mi telefonis kaj ankaŭ Stjeĉjo telefonis... Stjepan Birjozkin... Ne koleru. Pri kio temas?... Hm... La afero statas tiel, ke ni, tio estas, doktoro Birjozkin kaj mi, petas treege, bonvolu nin loki en la saman urbon... Pardonu nin, kara bona kamarado Denisenko, nun ankoraŭ unufoje, vi estas ja tiel komprenema animo... Vi faros, ĉu ne, vi faros vian eblon... Mi dankas... Mil dankojn de ni ambaŭ!

*(Kurteno.)*

El la rusa: *K. Stelov*

# TAM O' SHANTER

## ROBERT BURNS

Kiam, post tago de foiro,
La suno mortas en subiro,
La kolportistoj jam ne petas,
Kaj soifuloj societas,
Kaj ĉiu *orda, saĝa* homo
Direktas sin al sia domo —
Dum ni trinkadas kun bonuloj,
Kaj ŝvebas en la roznebuloj,
Ne pensas ni, ke vojo longa,
Kun baro, kavo, marĉo sponga,
Ĝis nia domo sin etendas,
Kie l' edzino nin atendas
Kun frunto nuba kaj kolera,
Humor' bolanta kaj danĝera.

Ĉi penson Tam O' Shanter notis,
Dum nokte li el Ajro trotis.
(Ha Ajro ! urbo senkompara,
Kun brava vir' knabino rara.)

Ho Tam, se nur vi celus bonon,
Kaj prenus de l' edzin' admonon !
Ŝi ja vin nomis sentaŭgulo,
Ebria, blaga, sen skrupulo,
Kiu neniam post foiro
Revenis kiel sobra viro.
Sed kun forĝist' aŭ muelisto
Vi restis en diboĉa distro :
Ke ĉiufoje, post muelo,
Vi trinkis kvazaŭ el sitelo,
Aŭ pri forĝad' de ia besto
Vi tostis en laŭtega festo.
Ke eĉ en la preĝej' vi drinkis,
Dum Janjon via brako ringis !
Avertis ŝi pri fin' mizera :
Ke dronos vi en flu' rivera,
Aŭ ke vin kaptos sorĉistinoj
Mallume ĉe l' kapel-ruinoj !

Ha, sinjorinoj, mi ekploras,
Ke l' edzoj tamen vin ignoras,
Kaj flankenĵetas kun obstino
Admonojn saĝajn de l' edzino !

Sed al la temo ! Ĉi-vespere
Tam sin enniĉis tre prospere
Apud kamen' kun arda muĝo,
Sorbante ravon el la kruĉo.
Kaj densapude sidis Joĉjo,
Lojala frato de l' diboĉo :
Karul', en kies kompanio
Tuttagoj pasis en ebrio !

La noktoj flugis, kantoj sonis,
Kaj ĉiam la bier' plibonis.
L' estrin' kaj Tam iĝis komplezaj,
Kun flustroj dolĉaj kaj karesaj ;
Joĉjo kun fantazi' rakontis,
La rid' de l' mastro vigle fontis.
La ŝtorm' ekstere muĝis vane,
Tam malatentis ĝin nirvane !

La Zorgo, eĉ, pro malespero,
Dronigis sin en la biero !
Kiel abeloj, mielriĉaj,
Flugadis horoj la feliĉaj.
Super la reĝoj de la tero,
Tam ŝvebis en ĉiela sfero !

Sed la plezur' al flor' egalas :
Ekprenas man' — petaloj falas ;
Aŭ kiel neĝo sur rivero,
Ekblanko, jen, kaj malapero ;
Aŭ kiel Norda Lumo flagra
Sin ŝanĝas kun rapid' mirakla ;
Aŭ kiel la pluvarko hela,
Svenanta jam en hor' plej bela.
Laŭ nepra flu' de temp' kaj tajdo
Jen venas horo de l' forrajdo.
En kriza hor' de l' nokta blindo
Sidiĝas Tam sur ĉevalin' do ;
Kaj tian nokton nun li spitas,
Eĉ bestoj kaŭre ĝin evitas.

La vento hurlis en libero,
Pluveroj siblis tra l' aero;
La nokton fulmolangoj lekis,
La tondroj murmurege blekis.
Komprenus tiam eĉ infano :
Aferojn kovas la satano.

Sur Manjo, brava rajdobesto,
Ĉiam obea al la estro,
Klakadis Tam tra kot' kaj flako
Spite al blov' kaj pluvatako ;
Jen firmtenante la bireton,
Zumante tradici-kanteton,
Aŭ gapserĉante, ĉu ne hordoj
Minacas lin da fi-koboldoj.
Jam la kapelo proksimiĝis,
Kie la strigoj nokte kriĉis.

Nun li la lokon jam rekonis,
Kie la vir' en neĝo dronis ;
Kie betuloj rokon ombris,
Kaj l' ebriulo nukon rompis ;
Kaj tie, kie sub densaĵo
Troviĝis bebkadavr' en kaŝo ;
Kaj tie supre ĉe la pin'
Patrino damna murdis sin . . .
Proksime la rivero baŭmas,
Tra l' arboj la ventego ŝaŭmas,
La fulmoj la ĉielon fendas,
La muĝaj tondroj turbulentas.
Subite tra l' knarantaj arboj
Radiis fajraj lumogarboj !
El la kapel' la lumo fluis,
Interne, dancmuziko bruis !

Ho Alkohol', se vi inspiras,
Kian kuraĝon ni akiras !
Kun la bier' ni riskojn ridas,
Kun la viski' — diablon spitas !
Tiel la drink' en Tam haladzis.
Ke li por ĉio jam aŭdacis.
Sed Manjo staris mirigite,
Ĝis, per la mano instigite,
Ŝi paŝis en la luman sferon,
Kaj hu ! Tam vidis strangaferon !

Freneza balo sorĉistina,
Ne rolis tie danc' rafina,
Sed skota rondo, rilo, ĝigo
Peladis ilin kun instigo.
En niĉ' fenestra en la fundo,
Jen mem Satan' en form' de hundo !
Hundego hirta, fulgonigra,
La muzikant' de l' aro vigla.
Per sakfajfil' li kriĉojn vekis,
Ĝis eĉ la traboj vibre eĥis.

Ĉirkaŭe faŭkis ĉerkokestoj ,
En ĉiu, korp' en mortovestoj ;
Ĉiu mortul', laŭ sorĉa plano,
Lumon tenadis en la mano,
Per kies brilo radianta
Jen vidis Tam, sur tablo sankta :

Skeleto, kun katen' sur manoj,
Senbaptaj etaj du infanoj ;
Ŝtelisto, freŝe de l' pendingo —
Gapegis buŝo pro la stringo ;
Kvin tomahakoj sangorustaj,
Kvin cimitaroj murdokrustaj ;
Ŝnur', kiu bebogorĝon ligis,
Tranĉilo — patron ĝi mortigis
En fila man' per damna svingo :
Grizharoj kaĉis sur la klingo ;
Kun pli da ekspozaj' terura,
Frostigus vin mencio nura !

Dum Tam mirgapis en la ejon,
La bal' atingis apogeon.
Satano ĉiam pli akcelis,
La aro ĉiam pli sin pelis,
Kaj giris, krucis, kapriolis,
Ĝis ĉiu ino ŝvite bolis
Kaj ĵetis vestojn por la biso,
Kaj ek denove en ĉemizo !

Ha Tam, se ili estus belaj,
Robustaj, junaj, ronde ŝvelaj !
Ĉemizoj : ne flanelo ŝvita,
Sed tolo neĝa kaj elita !
— Ĉi pantalonon, jam ne novan,
Sed mian solan, velurŝtofan,
Mi ja fordonus de la kruroj
Pro unu vid' de ĉi figuroj !
Sed — velkaj aĉulinoj, sulkaj,
Maljunaj, ostaj, fi-okultaj,
Saltantaj en freneza taŭzo
— Ĉu ne atakis vin la naŭzo ?

Sed Tam ja vidis ion plian :
Knabinon junan, simpatian,
Jus aliĝintan al la bando,
Bone konatan tra la lando
(Ĉar multajn brutojn ŝi mortbatis
Kaj belajn ŝipojn dronigadis
Kaj la avenon forvelkigis,
Kamparon sub teroro ligis.)

# ĈAPITRO EL „AMOR FATI“
## (RAKONTOJ EL BERGEN-BELSEN)

**BLONDA IRMI**

Centfoje ni vidis ŝin iranta en preskaŭ ĉiuj urboj de Eŭropo, praktike kaj senriproĉe uniformita kontraŭ frosto kaj pluvo, sekure ŝuita kontraŭ koto kaj neĝo. Kiu ŝi estis, kion ŝi deziris, kio estis ŝia tasko? Ĉiam ŝi mienis kvazaŭ nepravigita, sed mi ne scias, ĉu ŝi timis minacantan atencon, aŭ seniluziiĝis, ĝuste ĉar tiu ne okazis. Eble ambaŭ. Neekzistis kontakto inter ŝi kaj la loĝantaro, kiel ĉe la *SS*-viroj, kvankam tia kontakto ne incitis la „manĝemon“.

Kiel ajn ŝi nomiĝis, ĉu Selma, Agnes, Inge aŭ Greta, ŝi restis anonima, pri kio oni parolis „okulume post la mano“. Oni sciis nur, ke ŝi estas virino, kaŝita en uniformo, kaj ĝuste pro tio iusence nuda. La viroj nomis ŝin „De Griet“,[1] jen kun multe da malestimo, jen kun scivolo, jen kun ĉiaj supozoj kaj suspektoj.

En Amsterdam ŝi estis fiŝo eksterakva, en Bergen-Belsen ŝi estis en sia elemento. Vere estas, ke ankaŭ tie ŝi ne dancadis pro ĝojo, sed tie ŝi naĝis almenaŭ en la propra sfero. Ŝi apartenis al ĝi, kiel ratoj kaj cimoj, kaj aperante unufoje

[1] La ĥrit — vulgara nomo por ĉia virino, ofte havanta malbonan sencon.

---

Ŝia ĉemiz', el tolo bona,
Portata jam de aĝo juna,
Kvankam mallonga ĝi aperis,
Ŝi ŝatis ĝin kaj prifieris!
Ha, la avinjo ne konjektis
Ke tion, kion ŝi elektis
Por sia Nana, en la fino,
Ŝi portos kiel sorĉistino!

Sed nun eklamas mia Muzo,
Senpove ĝemas en obtuzo.
Ha, kiel Nana, la muskola,
Saltis en turno kapriola!
Jen staris Tam en fikso sklava,
Sub ĝuo de la vido rava.
Satan' saltetis pro ekscito
Kaj blovis kvazaŭ turmentito...
Vidante tian danctalenton,
Tam fine perdis la prudenton,
Kaj „Brave, ĉemizet'!“ kriegis,
Sed nokta peĉo tuj ekregis,
Kaj li apenaŭ Manjon turnis,
La damna aro krie sturmis!

Kiel abeloj, ĉe alarmo,
Atakas en kolera svarmo;
Kiel, se saltas la leporo,
Ekkuras hundoj kun fervoro;
Kiel popolamas' rapide
Ŝteliston ĉasas kaptavide:

Tiel nun Manjo sin akcelas,
La sorĉistinoj murde pelas.

Ha Tam! vi punon ne evitos,
Vin en infero oni fritos!
L' edzin' atendas vane: nepre
Ŝi baldaŭ veos vin funebre!
Hop, Manjo! al la kron' de l' ponto!
Atingu ĝis la sava ondo!
Vi tie la voston gaje svingos:
Trans akvon ili ne atingos!
Sed antaŭ ol ŝi ponton trafis,
La voston, ve, si plu ne havis!
Ĉar Nana, jam en avangardo,
Ĉasadis kun venĝema ardo,
Kaj flugis en atak' furie.
Sed Manjo — saltis energie:
Savis la mastron — sed je kosto
De sia propra, griza vosto.
La junulino ĝin ektiris,
Kaj la hartufon rabe ŝiris!

*

Nu ĉiu fil' de Eva, kiu
Ĉi historion legos, sciu,
(Se vi troviĝas sub inklino
Al la bier' aŭ belulino):
Plezur' pagiĝas! Paŭzu jam —
Pensu pri l' ĉevalin' de Tam!

El la skota: *R. Rossetti*

ŝi estis nenio nova. Oni nomis ŝin „Blonda Irmi“, sed kial, neniam estis klare, ŝi estis malpli blonda ol bruna, kaj cetere ŝi estis tute ordinara, fakte eĉ banala. *Ke ŝi ne estis* bela, pri tio ŝi ne kulpis, tamen eĉ malbele ŝi *ne* aspektis, kiel ekzemple tiu alia ĥrit: nia, ĉies Fräulein Schlotkke kun sia ledhaŭta, fanatika kapo, kiu restos en nia memoro, kiel inkubo enkarniĝinta ĉe *taglumo*. Ŝi estis almenaŭ ŝtoniĝinta, verŝajne glaciiĝanta pro perversa soleco; malplena pergamena sako, ideala kaŝejo por la diablo, kiu ŝin obsedis. Ŝi portis sangruĝan ordenon, meritateston pri „la Entjudung Europa's“[2] supre *sur* sia supozebla busto. „Fräulein Schlotkke“ estis megero, kiu senemocie aŭ senindulge administradis kaj sortimentis la „materialon“ kaj aranĝadis ties liveradon orienten. Nur ia sankta kontentiĝo ludis ĉirkaŭ ŝia *buŝo*, *kiam* ŝi vidis ekflamiĝanta la malesperon, kiun ŝi kaŭzis en edzinoj ŝirataj for de siaj edzoj, en infanoj disigitaj for de siaj patrinoj. Infanoj, kiujn ŝi malamis, mem ne estante patrino; feliĉo, kiun ŝi ekstermis, mem ĝin ne posedante. „Fräulein Schlotkke“ estis venĝema.

Blonda Irmi tamen iam edziniĝis kaj havis ankaŭ infanon. Maliculoj asertis, ke la sinsekvo de geedziĝo kaj naskiĝo estis inversa al la oficiale kutima sinsekvo, tiom ŝatata de ĉiu „deca“ burĝo. Kompreneble tion *ni* ne povis kontroli, sed la onidiro sufiĉis por havigi al tiu infano la „fortik“-germanan nomon „Zuschnelda“.[3]

Blonda Irmi havis ankoraŭ duan infanon, *knabon proksimume dujaran*, intence enmondigitan por savi la patrinon el la mizeraĉo. Ŝia edzo jam jarojn sidis ĉe la fronto kaj ŝi mem asertis, ke li estas aviadisto, tamen eblas, ke ŝi mensogis, trovante tion pli interesa. Kiam la geedzoj dum ferioj kunestis, ili priparolis la eblon savi ŝin el la milita servo, kiun ŝi malŝatis. Tion realigi kapablis neniu, krom eble infano naskota. Kaj tial devis naskiĝi la infano, sed ĝi naskiĝis *vane*, *ĉar kiam ĝi* estis 14-taga, la patrinon oni devigis reokupi sian postenon. Tiun historion ŝi mem rakontis al ni.

„Zuschnellda“ kaj „Vannaskito“ trovis hejmon *ĉe kamparano*, *por* ŝirmi ŝin kontraŭ la bomboj. Irmi konis du specojn de bomboj, nome sanktajn kaj malsanktajn, kaj tiurilate ŝi ne estis la sola en la mondo. Sanktaj estas la bomboj destinataj al fremdaj infanoj, malsanktaj estas la bomboj falantaj sur la propran tegmenton. Irmi kompreneble serĉis ŝirmadon kontraŭ „malsanktaj“ bomboj anglaj. „Gemeinheit!“[4]

Ŝi do ree eklaboris. „Blockführerin“[5] en la kampoj. Libera aplikado de skurĝo kaj pistolo, tiusence, ke oficiale estis malpermesite bati la homojn — almenaŭ en nia kampo.

La tiama komandanto, antaŭulo de Kramer, grasa voluptulo, laŭ-profesie hotelposedanto, iama maristo, almenaŭ laŭ la ankro tatuita sur la mano, havis siajn amatajn ĉevaletojn. Ekzemple al sia ĉevalo li karese frapis la nukon kaj nutris ĝin per sukerpecoj, precipe kiam ĉirkaŭis lin malsataj kaptitoj, al kiuj la buŝo eksalivis pro tio.

Niaj litoj estu ordigitaj *„wie Schachteln*

## SONETO AL IKARO

*Philippe Desportes*

Ikar' ĉi tie falis, tiu junul' aŭdaca,
Havanta por ĉielflugo sufiĉe da kuraĝo.
Jen falis plumo-perde la korp' el ĉielnaĝo,
La bravaj lin envias pro tiu fal' frakasa.

Feliĉa pen' de glora spirito triumf-ĉasa,
*Tiranta grandan gajnon el eta ĉi domaĝo*,
Ho malfeliĉ' feliĉa, kun tiom da avantaĝo,
Ke per ĝi la venkito venkis pri l' tempo pasa.

Ne timis lia juno de vojo tiel nova,
La povo al li mankis, sed ne la risko prova.
La stel' plej bela estis, per kiu li bruliĝis.

Li altan aventuron postkuris ĝis viv-rompo,
Ĉiel' estis la celo, la mar' estis la tombo:
Ĉu cel' iam pli belis, ĉu tomb' iam pli riĉis?

El la franca: *L. Tárkony*

[2] Senjudigo de Eŭropo.
[3] Kunmetita el Zu = tro, schnell = rapide, da = ĉi tie; kio signifas: tro frue naskiĝinta.

[4] Friponajo.
[5] Blokgvidistino.

## MI SIDAS SUR BRANĈFASKO...

*Marc Antoine Girard de Saint-Amant*

Mi sidas sur branĉ-fasko, en mano pipon tenas,
Kaj al kamen-angulo apogas min, deprima,
Okul-al-tere, triste, en ribelad' anima;
Kruel' de mia sorto nehoma min ĉagrenas.

L' espero, kiu ĉiam denove sin relevas,
Batali provas kontraŭ la sorto-bat' obstina,
Venante kun promeso pri bona ŝanĝ' destina,
Ol Imperiestro Roma pli alten ĝi min levas!

Sed kiam el ĉi herbo restas nur cindro eta,
Denove mi descendas al mia tristo teda,
Ĉagrenojn miajn maĉas per oftparola plendo:

Nemultan diferencon mi trovas sur ĉi tero,
Ĉu prenas mi tabakon, ĉu vivas el espero:
L' unua estas fumo, l' alia estas vento.

El la franca: *L. Tárkony*

## LA DISIPULOJ

*Marc-Antoine Girard de Saint-Amant*

Kuŝi sur unu drapo triope, sen kandelo,
Sen fajro, vintromeze, en kameraĉ' por latoj,
Kie, gotlingvon sian remaĉadante, katoj
Senĉese nin alfulmas per rula pupil-helo;

Nian dormeman kapon apogi per skabelo;
Kiel helik', du jarojn sin nutri per malsatoj,
Revadi grimacante, kiel simio-fratoj,
Kiuj sub sun' oscede sin gratas ĉe l'akselo.

Anstatau ĉap' surmeti subŝtofon de ĉapelo,
Kaj preni por sin kovri subflankon de mantelo,
Kies supraĵ' la ventron duobligi al ni servas,

Suferi cent piketojn de grumbla mastro aĝa,
Kiu eĉ ĉe l' plej eta elspezo plende nervas,
Jen, kion fine naskas la disipem' malsaĝa.

El la franca: *L. Tárkony*

---

*Streichhölzer*".[6] t. e. kvadrataj, sen ia malebenaĵo, sen ia faldeto surface. Tamen pri tio, kio kaŝiĝas sub ĝi, li ne respondecis, tie povus kuŝi malsekaj ŝuoj ŝimantaj, aŭ malpura tolaĵo haladzanta, tie pedikoj povus festi sian geedziĝan feston, se nur oni, enirante la barakon, per unu rigardo konstatas perfektan ordon. Kaj la kontrolon faris blonda Irmi. Ĉar imagu, ke Maŭpi Kukumetulo[7] de Zwanenburgwal[8] havus faldeton en sia litkovrilo! Pri tio neniam la providenco pardonus Hitleron kaj Germanio nepre perdus la militon.

Blonda Irmi kontribuis sian parton, por ke Germanio gajnu la militon. „*Diensteifrig*"[9] sekvata de la *Lagerälterste* kaj la barakestroj ŝi kuris tra la barakoj. Ambaŭflanke ŝi ie kaj tie deŝiris litkovrilon. „Notieren!"[10] Tio kaŭzis punon. Se ia virineto ne plu povis toleri la sekvojn de disentrio kaj forkuris el sia lito, ne faldinte la kovrilon modele, tio kostis al ŝi la semajnan buterporcion. Tamen por ricevi punon, eĉ tia krimo ne necesis. Ankaŭ kiam la lito estis tiel ebena, kiel la polurita tabloplato, ofte deŝiriĝis litkovrilo. Ĉiutage ŝi nepre bezonis dekon, dudekon aŭ tridekon da viktimoj. „*Notieren!*" Ja tute ne interesis Irmi-n, kia estas la litaro. Temis pri la raporto. Kaj ŝi timis la „Olle"[11], same kiel Selma, Agnes, Inge kaj Grethe. La „Olle" estis dika kaj ne tre bonvola. Kaj li havis larĝan liton. Kaj ankaŭ tiun liton ili timis.

„*Glaubt Ihr, dass ich mich für die Juden eine Zigarre hole? Bah!*"[12] Cigaro estas la germana vorto por „riproĉo". La timo antaŭ la cigaro enfluis la mondhistorion. Ĝi kostis al ni centojn da buterporcioj. Tio rezultis centojn da paŝoj pli proksimen al la morto de centoj da homoj.

Jes, „*Betten wie Streichholzschachteln*".[13] Por tiuj kaj similaj mondproblemoj mobiliziĝis multe da divizioj da *SS*-uloj jaron post jaro. Viroj, kolosaj, rektkorpaj, plensanaj, kiuj en tempo, kiam agoniis la patrio, ne havis aliajn zorgojn nur turmenti kaj incitaĉi sendefendajn virojn, virinojn kaj infanojn,

[6] Kiel alumetskatoloj.
[7] Moknomo de judoj, kiuj en amsterdamaj stratoj vendas kukumetojn kaj haringojn peklitajn en vinagro.
[8] Strato en amsterdama juda kvartalo.
[9] Servi-fervora.
[10] Notu!
[11] Maljunulo.
[12] Ĉu vi kredas, ke mi havigas al mi riproĉon por tiuj judoj? Laŭvorte: ke mi havigas al mi cigaron por tiuj judoj?
[13] Litoj kiel alumetskatoloj.

amarigi ilian vivon per ĉiaj ĉikanoj, kie ajn ili troviĝas. Por liberigi tiujn ulojn por ĉi tiu utila laboro, oni varbaĉis laboristojn el la tuta Eŭropo. Kaj por ili — la SS-uloj — tiu laboro vere estis utila. „Litoj kiaj alumetskatoloj" kaj tiaj idealoj ĉiuokaze sufiĉis por ilin savi de la fronto, malsatega pri soldatoj. Estas ĉi tiuj saviĝintaj divizioj, kiuj nun denove eklamentas pri la „Dolchstoss".[14]

Ankaŭ por Blonda Irmi tiu litkovrildeŝirado ne estis senutila. Ŝi jam spertis, ke per tio ofte malkovriĝas ia objekto, tre havinda por ŝi. Ekzemple poŝlanterno, aŭ ŝakludilo. Irmi enpoŝigis ĝin. Kaj ĉar, laŭ nacisocialisma justo, ne la rabinto kulpas, sed la prirabito, ĉi lastan oni punis pro la ŝtelo: per la reteno de porsemajna buterporcio.

Blonda Irmi kapablis ankoraŭ pli ol kontroli litojn. Ŝi kapablis bati, kaj kiel!

Iun fojon mi vidis ŝin inter la brakoj bati bubon proksimume dekkvinjaran, kiu ĵus verŝis vazon da malpura akvo sur la vojon. Ambaŭ ŝiaj manoj tamburadis sur liaj vangoj en furioza kolero, kiu scias, kiom longe retenita, aŭ de kio kaŭzita. La knabo apenaŭ sin movis. Li provis nur ŝirmi sian kapon per la brakoj. Ne multe tio utilis al li. Blonda Irmi montris rutinon. La viktimo ne kriis, eĉ ne ploris. Kial li plorus? Lia patro jam mortis, lia patrino estis agonianta, la fratinon oni transportis en malsanulejon pro ftizo kaj la plej juna ie vagis aŭ ludis en la koto, sen zorganto, ne lavita, ne kombita, kun malpura nazo, ĉifona, kun senferma, tro granda ŝuo sur unu piedo, kun ŝirita pantoflo sur la alia. Nu, ĉu plori pri tio? Neeble, ĉar tiuokaze oni povus plori eterne. Se en tiu momento oni demandus la knabon: Kiel vi fartas? Li certe respondus: „mi malsatas". Kaj dum kelkaj minutoj Irmi estis rabia furio. Tia — ho estonta historiisto — aspektis la taga ĉiutago en la koro de Eŭropo meze de la 20-a jarcento. Pentru nur en la fono de tia sceno ruboĉaron plenan de nudaj senkarnaj kadavroj.

Sed klopodu precipe skizi laŭvere Blondan Irmi-n. Ĉar ŝi kapablis ankoraŭ pli, multe pli ol nur bati. Ŝi kapablis iri al la orfejo (ni ja vere havis orfejon) por ludi kaj *ridi* kun la infanoj. Ŝi kapablis karesi ilin, promeni kun ili. Pecon da ĉokolado ŝi kunportis por ili. Ŝi forviŝis larmojn, purigis ilian nazon. Ŝi karesis al ili la vangon.

Iam naskiĝis — meze en la mizero — infano, ie en la malsanula barako, ĉe la lumo de kandelo. Ne miru. Ne la unuan fojon juda knabo naskiĝis en stalo. Ĝia patrino sciis flegi tiun infanon tiele, ke ĝi aspektis kiel nepo de milionuloj, dorlotita de siaj geavoj. Ĝi ne ĉiam estis pura, ĝi estis ankaŭ kovrita per littuko kun punta brodero, kiun ĝia patrino mem hoktrikis, tia tute ordinara ulino, kiu meze en tiu malpuro kaj haladzo, meze en tiu egoismo kaj interbatalo pro kulero da supo, malsato, malsanoj kaj morto, tamen ne perdis la naturajn instinktojn de juna patrino por infano, ie en feliĉa lando en varma ĉambro.

Kaj la infano respondis tion per roza vizaĝo, ĝi ludis per manoj, same kiel ĉiuj sanaj infanoj en mondo plena de paco. Vere ĝi estis ĉarma infano kaj Blonda Irmi ne povis ĝin rezisti. La virinoj kuŝigis ĝin tiel, ke ŝi ne povis ne vidi ĝin enirante la barakon, kaj okazis, ke tiam ŝi forgesis kovrilojn, raporton, poŝlanternojn kaj retenitan margarinon. Kaj ŝi esprimis sin per la jenaj terminoj, klasikaj por la nacionalismo: „Kvankam vi ĉiuj estos gasitaj aŭ mortpafitaj, mi savos ĉi tiun etulon." Ŝi estis sincera kaj aludis tion, kiel konsolon. Ĉu ŝi konsciis, kion ŝi diras, ĉi tiu filino de la Faraono? Jam unu fojon saviĝis juda knabo kaj tio havis certajn sekvojn.

Ŝi parolis kun la virinoj laŭ virina karaktero. Pri ŝtofoj, kotonoj, pantalonoj kaj similaj, butonoj kaj bantoj, pri infanoj kaj pri aferoj, nur intime tuŝataj, aŭ pri kiuj oni pensas parolante ŝajne pri io alia. Ŝi fanfaronis, ke sep jarojn ŝi estis spiono en Francio. „Herrliche Zeit".[15]

En la kampo troviĝis kudristino, kiu kudris, pinglis kaj ĝustigis ŝiajn civilajn robojn kaj tiel Blonda Irmi bridiĝis.

Ŝiaj interparoloj povis komenciĝi ploreme: „Ach ich kann Euer Elend hier nicht mehr

[14] Ponardpuŝo.

[15] Belega tempo!

ertragen."[16] Ĉi tiuj larmoj ja estis sinceraj, sed ne koncernis nin. Kompreneble okazis io ekster la pikdrataro, ĉirkaŭanta nin, pri kio ni ne sciis, aŭ ne rajtis scii. Kaj eble ŝia edzo vundiĝis, aŭ jam de longe atendita sciigo pri la infanoj forrestis. Kiu scias ? Eble ĝuste naskiĝis en ŝi ia ebriula pentemo. La kompato, kiun ŝi montris, almenaŭ ŝajnis suspektinda.

„Peterchen", la „Olle" iam diris — la komandanto nomis ŝin Peĉjo kaj ŝi fieris pri tio — „Peterchen, du sollst keine Steckrüben essen."[17] Rapoj estis nia ĉiutaga nutrajo. Kaj se la „Olle" opiniis tiun nutrajon netaŭga por ŝi, tio signifis kombinon inter flirtado kaj nacia programo. (Kaj kiel „*Blockführerin*" oni kompreneble ne povis ne paroli pri tio al aliaj virinoj.)

Feliĉe, ke la komandanto ne sciis, ke Irmi povas mildiĝi pro infano. Alie ŝi nepre devus manĝi rapojn kaj ne malmulte. Kaj tiuokaze ŝi certe ne rezignacius je tio, trovante tion justa.

Kaprica estas la homo eĉ kiam ĝi estas egaligita. Kaj kial ne ? Ĝi havas du brakojn, du krurojn, du okulojn, du orelojn kaj du naztruojn, kial do ĝi ne havu ankaŭ du animojn ? Dekstran kaj maldekstran animon, kaj kial la dekstra animo sciu, kion faras la maldekstra ?

Sufiĉe klaĉinte, Blonda Irmi abrupte finis : „So, jetzt geh ich mal ein bisschen prügeln im Fraŭenlager."[18]

Ŝi diris kaj ŝi faris tion. Apud la nia estis tendaro de *polinoj*, kaj de *virinoj* transportitaj el polaj koncentrejoj. Inter ili estis ankaŭ nederlandaninoj, kiuj en favoraj momentoj kriis al ni tra la pikdrataro pri aferoj, kiuj konsciigis nin, ke la infero havas ankoraŭ pli profundajn tavolojn ol la nia.

Irmi malleviĝis en tiun inferon, kaj kiam ŝi ree leviĝis kaj aperis en niaj barakoj, ŝi povis amare lamentadi : Ŝia brako tiom doloras pro la bastonado ! La polaj virinoj, ŝi diris, ne havas „Kultur".

[16] Ah, vian mizeron ĉi tie mi ne plu povas toleri.
[17] Peĉjo, vi ne manĝu rapojn.
[18] Jen, nun mi iru iom bastonadi en la virinkampo.

Tia estis nia Hrit. Kaj kia ŝi estas nun ? Kie ŝi nun estas kaj kion ŝi faras ?

Ne estas ne profitama tiu interesiĝo pri vere ne tre interesa estaĵo, kiu inspiras al mi ĉi tiujn demandojn, tamen ĉiufoje, kiam mi legas, aŭdas aŭ pensas pri la nuna Germanio, sin trudas la penso : tua res agitur (temas pri via afero). Por ĉiu, uzanta sian penskapablon, tiu penso estas pli forta ol aliaj kaj lasas malmultan spacon por kontentiĝo pri la farita detruado, la malsato kaj la kaoso.

Blonda Irmi laŭscie ne aperis antaŭ tribunalo. Oni ne intermiksu ŝin kun Irma Grese, kiun ni en Bergen-Belsen ne konis, kaj kies privata ĉas-tereno tre verŝajne etendiĝis en la proksimo de Auschwitz. Nombro da *SS*-uloj senkompate mortpafiĝis, kiam niaj liberigantoj invadis la kampon.

El la centmiloj da kulpuloj ĝis nun nur kelkdekoj akuziĝis. Verŝajne tio ne eblis alie. Granda parto vagas tra la lando kaj probable ankaŭ Blonda Irmi sin povis kaŝi antaŭ la blindumitaj okuloj de Justeco.

Kaj ni — kiuj saviĝis kiel ŝi, kvankam en alia maniero — eble rajtas iom fantazii. Mi imagas, ke ie ŝi vagas inter ruboj de detruita urbo, aŭ duondetruita vilaĝo, en certa distanco de siaj infanoj, disiĝinta de aŭ fremdiĝinta al sia edzo. Ŝi certe jam enretigis iun Tommy aŭ alinacian soldaton, eble serĝenton, ĉar tiom malbela ŝi ja ne estis. Ŝi iom komercadas per cigaredoj.

Tre bone ili ne interkompreniĝas, Tommy kaj ŝi, sed ili estas du homoj, bezonantaj vivkunulon. Kompreneble tiaokaze la lingvaĵo estiĝis per si mem.

Li jam legis kaj eksciis multon abomenan pri la kampoj, kaj kiam li iuvespere malkovras, ke ankaŭ ŝi estadis tie, li demandas : „Kio do tie okazis ? Ĉu ĉiuj tiuj teruraj rakontoj estas veraj ? Tre dece vi, germanoj, ne kondutis tie."

Blonda Irmi ekkoleras. „Kion ? Ne dece kondutis ? Ĉion mi faris por tiuj homoj. Mi estis ĉe la *SS*, sed neniam mi estis nacisto. Kun tiuj mi ne deziris havi ion komunan. Ĉion eblan mi faris por liberigi min el tio. Senefike. Infanon mi naskis kaj kiam ĝi estis dekkvartaga, mi jam devis reiri al mia postenon. Kia mizero ! Porkaĉoj estis la judoj.

# La neologismologio

## NOVA FAKO DE ESPERANTOLOGIO ELTROVITA DE PROFESORO KLAPELKAP

Reto Rossetti

En vespero teda, laca, kun humoro erinaca
pri l' problem' neologisma mi meditis en torpor'.
Ĉu la lingvo rajtas riĉi, au per jama stok' sufiĉi,
kaj modeste rezigniĝi pri la altedifa glor'?
En dilemo pri l' problemo pensis mi kun anatemo,
ke la homoj por la kremo ne moviĝos el langvor'...
„Klapelkapo", mi decidis, „solvos la dilemon for,
Klapelkap' la profesor'!"
Do sinskue kaj senplue mi la ĉambron lasis brue,
por viziti ĉi amikon kun la saĝo de Nestor'...
Al diablo ! — sen kapablo estas mi por min elŝiri
el la mekanika rondo de ĉi tiu eterne muelanta
metriko ! Al la proz', proz', proz', proz' — ha
sufiĉe ! Sobre, sobre, mia kapo ! Via temo estas
lingva, seke sekca — jam eliĝu el la halucino !

*

Mi trovis la profesoron ĉe lia larĝa skribotablo garnita per tri telefonoj ,ĉiu ŝtopita per ĉirkaŭvindita poŝtuko. En profunda absorbiĝo Klapelkap miksis „Lexicon"-kartojn kaj disĵetis ilin sur la tabloplaton.

Li ne rimarkis mian eniron. Lia rigardo estis alforĝita al forfikulo, kiu ĝuste trarampis sur la tablo. Nerve li elektis kaj ĵetis sur la tablon la literkartojn:

F O R F I K U L O

Tiam li balais la naŭ kartojn en la manon, remiksis ilin kaj denove dismetis. Ili eliris jene :

F I F O R K U L O

Kun raŭka krio de triumfo la profesoro levis la okulojn kaj ekvidis min, kiu staris tie iom ĝenite kaj pli ol iom mirante.

---

Nekutimigeblaj al ordo ! Ili verŝis malpuran akvon glacimiene sur la straton. Kaj la litoj ! Mi povis admoni, kiom mi deziris, tamen plej granda restis la malordo ! Ĉiutage pli ol dek, dudek, jes tridek litkovrilojn mi devis deŝiri, tiom kaose ĉio aspektis. Se mi estus bone rigardinta, certe estus pli ol kvindek, jes, pli ol cent. Tion vi komparu kun la situacio ĉe ni. Neriproĉeble ! Kaj riĉaĵojn tiuj homoj posedis, plej belaj ŝakludiloj malkovriĝis ! La homojn ni traktis ne malbone. Siajn infanojn ili havis ĉe si, dum miajn infanojn mi devigis irigi al kamparano. Kaj kiel la infanoj aspektis ! Se tiun vi vidus ! Beboj kun rozaj vangetoj ! La virinoj havis nenion farendan. Mi devis laboradi po 18 horojn tage, sed ili povis hoktriki puntojn sur littukoj. Kaj la manĝo ? Ĉu ni nun fartas tiom pli bone ? Vere, estis multe da rapoj, sed ili bonege gustis. Pli ol centfoje mi petis la komandanton, ĉu ankaŭ mi povus manĝi ilin. Vere malsevera homo li estis, tia varmkora, dika germano. Ĉiam li nomis min Peĉjo. Tamen rapojn mi ne manĝis. Mi devas konfesi, la homoj kelkfoje montris dankemon, kiam ni faris ion por ili. Ĉi tiun robon ekzemple, ili kudris por mi. Tio ja parolas klaran lingvon. Ĉu ? Kaj nun ili propagandas kontraŭ ni."

„La polaj virinoj, ili estis veraj bestoj. Eĉ ne ero da kulturo. Por kompreni tion, vi devus propraokule vidi, kiel ili ĉiuj kune atakis la manĝon. Miaj brakoj doloris, kiam mi devis disigi ilin. Tiom terure estis!"

Tommy frotas al si la mentonon. Iom modeste li kuraĝas ankoraŭ demandi : „Ĉu ankaŭ vi devis foje bati ?"

„Ich ? Mensch, das war verboten !"[19]

Irmi ekscitiĝis kaj kun rozetoj sur la vangoj ŝi eĉ aspektas ne malbele.

Li regalas ŝin per cigaredo. Capstan, kiun ŝi amegas. Ankaŭ la francojn ŝi konas. Kun ili ŝi ĉiam bone rilatis. „Herrliche Zeit." Sed tio pri la kampoj, das ist nicht wahr![20]

Irmi kredas, kion ŝi diras. Ŝi eĉ ne konscie mensogas, kaj tio estas la plej terura.

La pensoj de Tommy jam longe flugis aliloken.

El la nederlanda : *P. Schwartz*

[19] Mi ? Homo, tio ja estis malpermesita !
[20] Tio ne estas vera.

„Ha, juna amiko," li raspis. „Vi venis ĝustatempe por atesti la grandiozan malkovron, kiun mi jus faris! Mi estas ĉe la sojlo de nova Ameriko! Mi trovis la bazon por nova scienco: la Neologismologio!"

„La Neo...?" mi balbutis. Mi ne riskis ripeti la abrakadabron, kiun la profesoro tiel lerte gluglis.

„Jes!" kriis Klapelkap. „La Neologismologio! La esploro pri la deveno de la neologismoj en Esperanto. Tiujn ĉi malfeliĉajn vortojn oni jam delonge atakas, kvazaŭ ili estus ia fia enĵetajo en nian lingvon. Oni traktis ilin kiel neleĝajn infanojn, kiel kapricajn ekpensojn kaj surgluaĵojn de individuoj. Sed efektive mi malkovris, ke la neologismoj havas tute decan geneologion kaj evoluis en la lingvo laŭ tiuj tute samaj (ĝis nun kaŝitaj) leĝoj, laŭ kiuj evoluis la origina vortaro de la lingvo."

„Sed" mi intermetis „la origina vortaro ja ne evoluis! Ĝin elpensis Za..."

„Babilaĵo! Balasto! Fromaĝo!" kriis la profesoro. „Simpla herezo, kion vi diras. La baza Esperanta vortaro elkreskis laŭ leĝoj en si mem havataj, ne laŭ ia arbitra artifiko de sola homo! Rigardu tion" li aldonis indikante la kartojn disĵetitajn sur la tablo: —

F I F O R K U L O

„Jen la deveno de la nomo de la insekto forfikulo! Simpla anagramo de ĝia priskribo: fi-forkulo. Unua principo: la principo de anagramismo! Laŭ tiu principo estas klare videble, ke ‚kandelabro' estas ‚kandelarbo', ‚vaka' devenas de ‚kava', ‚po' devenas de ‚op', ‚tono' de ‚noto', ‚kadro' de ‚krado' kaj eĉ ‚eco' estas nur son-anagramo de ‚esto' — etso — kaj ekzemple ‚klareco' estas simple ‚klar-esto'."

„Sed" mi dubis „kiel tio validas por la neologismoj?"

„Nu" respondis Klapelkap „prenu la neologismon ‚aspra'."

„Jes, mi scias," mi intermetis. „Ĝi estis proponita de K..."

„Balenaĵo" eksplodis la profesoro. „Simple ĝi estas evoluaĵo el ‚raspa', laŭ la anagrama principo! Tute tiel sama, kiel ‚falva' devenas de ‚flava', kaj ‚bovlo' devenas el ‚volbo'.

„Sed, kara profesoro," mi murmuris, „bonvolu pripensi, ke tiu via principo ne kon-

**LA MALJUNA VIRINO**

*Joseph Campbell*

Kiel altare
La blanka kandelo:
Sur kap' maljuna
Jen tia la belo.

Kiel lum' mortinta
De la vintra suno:
Jen la virino
En sia maljuno.

Jam for la infanoj...
Sia pens': trankvila,
Kiel la akvo
Ĉe ruin' muelila.

El la angla: *L. Tárkony*

---

dukos vin longen. Tiu besto, nun surmure, kiu tie amblas krure..." Mi ekhaltis, timante, ke min fortrenos denove tiu tede batanta ritmo, kaj mi silente montris al la vigla forfikulo, kiu nun, marŝinte jam kelke da forfikulaj mejloj, rampis malsupren de la muro al la planko.

„Ha! Kion vi diras?" jetis la profesoro. „Amblas krure? Unu momenton." Liaj okuloj lumis distrite. Febre li ekkaptis la kartaron kaj literis

K R U R A M B L I

„Krurambli?" li grumblis. „Ambli krure, ambli mure..."

Sed tiu ĉi frenezaĵo min jam tedis. „Bonan nokton, kara profesoro" mi diris, turnante min oscede al la pordo. „Kaj prosperon al viaj ento-, pardonu, etimologiaj studoj! Dume bonvolu noti, ke tiu pomo de Newton, kiu batis revelacie vian kapon" (kaj mi montris al la forfikulo), „jam ne sur la muro amblas." — Car la energia besteto jam atingis la plankon.

„Halt"! amiko" kriis Klapelkap per sufokita voĉo. „Io trafulmas min kaj vi nepre devas ĉeesti la eventon. Ne sur la muro? Vere, la muro ne necesas por la ago." Kaj el la literoj sur la tablo li forprenis M, U kaj R. Restis

K R A B L I

„‚Krabli‘?“ mi miris. „Sed ankaŭ tio estas neologismo.“

„Deveninta el ‚kurambli‘ sen la MUR, kio kondukas min al la dua neologisma principo — la principo de *signifaj ellasoj*. Laŭ tiu principo la fundamenta vorto ‚nubo‘ sendube venis de ‚nebulo‘ (kun ELlaso de EL) kaj ‚magra‘ venas de ‚malgrasa‘ kun elLASo de LAS. ‚Siro‘ devenas de ‚Sinjoro‘ — kun ellaso de ‚njo‘, ĉar ‚njo‘ ja ne konvenas en virnomo, kaj sambone oni povus eble diri ‚Sjoro‘ kun ellaso de la same nekonforma ‚in‘, remetante ĝin nur por la inoformo: ‚Sjorino‘. Kaj ‚lanta‘ . . .“

„Jes?“ mi interesiĝis, ĉar ĉi tiu jam estas unu el miaj ŝatataj neologismoj, kaj mi volonte ekkonus ĝian legitimiĝon.

„Tute simple. Ĝi estas nur — ‚fluanta‘ sen ‚fu!‘, aŭ, se vi preferas, sen ‚uf!‘.“

„Kaj kion, volu afable diri, signifas ‚sen uf‘ aŭ ‚sen fu‘?“

Li rigardis min malestime. „Interjekcioj“ li respondis. „Uf! estas peno, fu! estas laciĝo!“

„Sekve ‚lanta‘ estas ‚fluanta sen peno‘? Nu, ankaŭ tio ne estas malebla. Kaj aliajn neologismojn vi legitimas laŭ tiu principo?“

„‚Pigra‘.“ li respondis. „Miaj historiaj esploroj rivelas, ke ĝi devenas de ‚pilgrima‘. Pilgrimo ja estas tre maldiligenta vojaĝo — ofte pura libertempo kaj laborevito! Do pilgrima homo estas homo mallaborema, kaj ‚pigra‘ estas ‚pilgrima‘ — sen ‚lim‘!“

„Korpo de porko, ne‘!“ mi protestis. „Tio estas jam tro alpensita! Ke ‚pigro‘ estas mallongigo de ‚pilgrimo‘, tio estas, ni diru, iomete ebla, sed ke la eljetita parto havas ian signifon . . .“

„Laŭplaĉe!“ diris la profesoro, foliante en siaj paperoj. „Ĝi ankaŭ povas esti simpla mallongigo aŭ kuntirita formo, kiel — jen!“ (Ĉi tie li trovis la koncernan folion.) „Rezulto el rezultato, sponta el spontanea, damni el kondamni, stado el stadio kaj tacmento el la netrovebla, sed nepre induktebla formo detaĉmento! En la lumo de tiu principo ni ekvidas, ke streta estas stre(ĉi)ta, stringi — str(eĉr)ingi, trista — tr(opesim)ista, gracila — graci(ta)l(i)a, giri — g(avot)iri, febla — f(alig)ebla, enorma — e(kster)norma, rufa estas ru(ĝ)f(lav)a, frida estas fr(ostrig)ida, retreto estas retr(oimp)eto, mutili estas m(al)utili, dina estas di(afa)na, dista estas dist(anc)a, putino estas p(rostit)u(i)tino, frondo estas f(oli)rondo, kriĉi estas (a)kr(e kr)i(a)ĉi, primavero estas pri(nte)m(p)a ve(te)ro, rumoro estas (b)ru(e)m(a ĥ)oro . . .

„Kaj klami estas aklami kaj plaŭdi estas aplaŭdi !“ mi kriis.

„Jen kiel impetulo ensaltas en la sciencon kaj ĉion fluge solvas!“ respondis acide la profesoro. „Klami ja devenas de aklami, sed ĉe plaŭdi kaj aplaŭdi la procezo estas inversa, tio estas ‚aplaŭdi‘ estas *kromlitera formo* de plaŭdi . . .“

„Kromlitera formo? Ĉu tio eble estas ankoraŭ alia principo?“ mi demandis subtilakre, ĉar min jam incitis la dekretema maniero de la maljuna azeno.

„La kvara“ li tabelis. „Laŭ ĝi amara (gusto) devenas de mara (gusto), sombra venas de ombra, vigili de vigli, brutala de bruta kaj negi de nei. Krome havas ioman funkcion la literŝanĝaj formoj. Tiuj jam estas sufiĉe konataj: pezi kaj pesi, kompromisi kaj kompromiti, organo kaj orgeno ktp. Ĉe la neologismoj ni havas degni — literŝanĝa formo de digni, kaj aperta, samtia formo de aparta, kaj pimpa, evidente el pompa.

Mia kapo jam zumis kaj mi volis elkuri en la freŝan aeron, for de liaj lampoleaj teorioj, sed la okuloj de la profesoro brulis, katenante min, lia voĉo vibris raŭke, min hipnotante kaj mi jam sentis, ke mi devas elaŭdi ĝis la fino. Mi glitfalis en seĝon. „Kaj kion vi diras pri ‚gelo‘?“ mi demandis.

„‚Gelo‘ estas retroformo“ li asertis. Se oni komprenas en ‚degelo‘ la prefikson ‚de‘ (kun kvazaŭ mal-a signifo), tiam ‚degeli‘ povas signifi ‚de-frosti‘ kaj ni retroformas el tio geli — frosti. Similaj retroformoj estas la fundamentaj edzo el edzino, fraŭlo el fraŭlino, kuzo el kuzino. Similaj estas ‚spekti‘ el ‚spektatoro‘, ‚gimnasto‘ el ‚gimnastiko‘, kompano‘ el ‚kompanio‘ (analoge al kolego-kolegio). Oni povas eĉ antaŭvidi pluajn retroformojn en Esperanto: somnambi el somnambulo kaj kandidi el kandidato ; eble eĉ ica el malica.

# SALO KAJ PIPRO

RAYMOND SCHWARTZ

## ĜIS CENT KVINDEK!

*„Profesoro Bogomolec, en Kiev, eltrovis serumon por plilongigi la homan vivon ĝis centkvindek jaroj.“ (El ĵurnaloj.)*

Ĉu vi aŭdis la novaĵon?
Profesor' Bogomolec'
plilongigas nun la aĝon
de la tuta homa spec'.
Nun ni vivos, kiel karpoj,
ĝis la cent kvindeka jar'!
Pli ol iam, pro la barboj,
estos regno de — barbar'!

Per du gramoj da serumo
plilongiĝos nia viv'
ĝis plejebla maksimumo, —
kia bela perspektiv'!
Estas ĝoje dum la nuno
pensi: Kelkaj inter ni
eble vivos ĝis — ĉe UNO
fine regos harmoni'!

Restas ankaŭ la espero,
ke en nia propra land'
ni revidos, kun butero,
foje pecon da viand'.
Tiam super la telero
ni hezite klinos nin
kaj demandos al kelnero:
„....Kiel oni manĝas ĝin??“

Kia ĝojo: kiam morgaŭ
progresema flugmotor'
nin kondukos ĝis Novjork' aŭ
l' Ekvator' en duonhor'!
Sed ni pli kaj pli rapidos,
tiel fulme — ho delir'! —
ke ni ree hejme sidos
iom antaŭ ... la forir'!

Plue, dank' al la kemio
ĉiu povos tuj, laŭ vol',
ŝrumpi ĝis la dimensio
mikroskopa de pilol'.
Certe vi — antaŭ ol morti —
vidos, kiel laca hom'
povos mem sin hejmen porti
en la poŝ' de l' pantalon'!

Sed mi fidas nur duone
al genio de l' Homar'...
Ĝi kutimas tro sindone
okupiĝi pri misfar'.
Kion saĝe la tekniko
nun proponas al konsum'
venos morgaŭ el fabriko
sub la signo de Bum-Bum!

Se mi ĉion konsideras,
ho sinjoro profesor'
vere, morti mi preferas,
kiam venos mia hor'.
Kial vivon plilongigi,
kiu estas duon-tomb',
se minacas nin mortigi
*morgaŭ jam atoma bomb'*!?

---

Horloĝo batis la dekduan kaj en la nokto kato-tenoro ekserenadis. Mi oscedis. „Koran dankon, mia olda amiko“ mi salutis.

„Olda?“ li kriis. „Plena fuŝformo! Ĝi respondas al neniu el la evoluprincipoj kaj estas nepre kripla. Nomu min maljuna, se vi volas, sed ‚olda‘ nepre ne!“

„Sed, kara mia,“ mi respondis, „se via teorio ne povas klarigi, kiel ‚olda‘ venis en la lingvon, tio ne signifas, ke ĉi tiu vorto estas fuŝforma. Eble temas pri tio, ke via analizo ankoraŭ ne estas kompleta...“

„Rilate al ‚olda‘ ĝi estas jam kompleta“ pretendis Klapelkap. „Mi nomas ĝin fuŝforma, ĉar ĝi devenis el preseraro en iu Esperanta manuskripto. Nu“ li aldonis, gestante al mi silenton. „La manuskripton mi ankoraŭ ne trovis, sed mi scias, kion ĝi enhavas. Kiel? Nu, kiel ne? Ni ne posedas la femuron de la Java prahomo, tamen ni scias, kiajn femurojn li havis. Kaj tiu ĉi ‚olda‘ certe venis de iu frazo tre simila al la jena, en perdita artikolo pri la juna Zamenhof:

»Efektive, Ludoviko enhavis en sia naturo pli da Ŝefer (la patrin-familio), ol da Zamenhof.«

„Kaj la eraro konsistis en tio, ke oni skribis ‚ol da‘ dufoje (eble ĉe la piedo de unu paĝo kaj denove ĉe la kapo de la sekvanta), kaj poste iu, legante la fuŝitan frazon:

# „BONAN MATENON, SINJORO PREZIDANTO"

*Georgo Saville*

Li estis maljuna farmisto de la ŝtato Iowa (Ajoŭa). Li aspektis kiel multaj aliaj farmistoj: malrapidemo, distorditaj manoj, okulvitroj, ŝelkoj, arka nazo, blankaj lipharoj, bluaj suspektemaj okuloj, mallertaj ŝuoj, kaj naztona, ĉiam plendanta voĉo. Li sidis en vagonaro celanta al Vaŝingtono.

„Kiam ni atingos la ĉefurbon, portisto?" li demandis la kvindekan fojon, rigardante sian arĝentan bulboforman horloĝon.

„Morgaŭ matene je la sepa, mastro" respondis la negro.

„Dankon." La Iowa-ano fermis sian buŝon pli firme, sed lia koro pli rapide ekbatis.

La sepan horon matene! Post ĉiuj tiuj jaroj! Kaj je la deka horo li estos vicestaranta en la Blanka Domo kaj ekpremos la manon de l' prezidanto! Mia Dio! Steloj kaj serpentoj! La nura penso sufiĉas, por ke koro usonana ekbatu!

„La kongresano* de mia distrikto aranĝis ĉion" konfidis la maljunulo fiere al alia maljunulo en la fumoĉambro. „Mi ekpremos la manon de l' prezidanto! Jes, sinjoro, tiun monenton mi atendas de kvindek jaroj."

Poste li rakontis pri sia patro, kiu manpremis kun prezidanto Grant, kaj kiel tio estis la plej fiera memoraĵo de lia vivo. Pro tio li fariĝis eminenta membro de la komunumo; li eĉ gajnis la elekton por urba ĉefpolicano.

„De kiam mi, kiel dekjara knabo, aŭdis mian patron paroli pri prezidanto Grant, mi ĵure promesis veturi al Vaŝingtono kaj fari la samon, kion li faris, eĉ se tio kostus mian lastan cendon" diris la maljuna Iowa-ano. „Mi certigas vin, ke ĝi estos la plej fiera momento de mia vivo. Mi proksimiĝos al li, manpremos kun li tiamaniere, kaj diros nur kelkajn vortojn: Bonan matenon, sinjoro prezidanto, dum la pasintaj kvardek jaroj mi ĉiam voĉdonis por la Respublikana Partio!"

„Li estos feliĉa aŭdi tion" diris la alia maljunulo. „Ĉi tiu lando bezonas pli grandan nombron da respublikan-partianoj. Mi supozas, ke la ekskurso el Iowa kostas al vi konsiderindan sumon, ĉu ne?"

Ĝi valoras ĉiun cendon. Valoras ĉiun cendon, kiun oni havas" akratone respondis la Iowa-ano.

Fakte, la ekskurso kostis ĉiun cendon, kiun li havis. Li estis tro maljuna por labori, kaj *lia* farmbieno ne estis lia, ĉar ĝis la limo ĝi estis hipotekita. Lia edzino mortis antaŭ kelkaj jaroj — ŝi falis kvazaŭ trolaborigita besto en jungilaro. Liaj du filoj forkuris el la farmbieno pro trolaborego, kaj neniam plu li aŭdis pri ili. Li kondukas sklavofarmon, kie li mem estas la ĉefo-sklavo.

* Usona parlamentano.

---

Efektive, Ludoviko havis en sia naturo pli da Sefer, ol da ol da Zamenhof.«
— tuj konkludis, ke ol-da signifas maljuna, kaj tiel la eraro esti lanĉata!"

„Interese" mi murmuris. „Kaj ĉu vi konstatis ankoraŭ aliajn fuŝformojn?"

„Nu: ‚retro' " li diris, „kvankam mi mem uzas ĝin (ĉar eĉ erarajo sanktiĝas pro la voĉo de l' popolo, t. e. la komuna uzo). Evidente ĝi estas kuntirita formo de ‚returne' kaj devus esti ‚retre'! Kaj ‚prompta' estas formo tute senbezona, ĉar ni jam havas bonan neologismon ‚insta' . . ."

„ ‚Insta'?" mi diris. „Mi neniam vidis ĝin."

„Ĝi estas retroformo el ‚instigi' " klarigis la profesoro. „ ‚Instigi' do signifas ‚fari insta', aŭ se vi nepre volas" li aldonis kun grimaco, „fari prompta, tujaga, fervora . . ."

Lia voĉo stompiĝis kaj distrite li ekprenis la Lexicon-kartaron kaj komencis ilin ‚plekti'. Lante li faligis kvin kartojn. Ili faris la vorton ‚TURPA'. Medite li rigardis ilin kaj hezite reviciĝis ilin je ‚PRUTA'. Li forprenis la ‚P' kaj anstataŭigis ĝin per ‚B', farante ‚BRUTA'; sed mi, timante la eksplodon de ankoraŭ alia principo de neologismologio, mallaŭte elŝteliĝis en la nokton.

# *JUNA MONAĤO**

### *Antonio Fialka*

„Vi legis kaj aŭdis jam sur multaj lokoj, frato" daŭrigis la monaĥo, „ke la tero de nia athosa monto estas sankta, kaj ke de la pratempoj ĝin ne rajtas ektuŝi virina piedo. Ni, kiuj, el la favoro de la regnestro de l' mondoj, estas ĉi tie lia sindonema, nigra militistaro, ni ne scias, kio estas virino, kaj neniam ni volas ŝin ekkoni. La supreniro de Athos-monto por la virinoj estas severege malpermesita. Kaj tio ne estas ankoraŭ ĉio. En la ĉeloj, en la monaĥaj ermitejoj vi eĉ ne trovos beston de virina sekso. Ni evitas tion kiel la diablon, kaj koncentrigas ĉiujn niajn pensojn kaj preĝojn sole al la laŭdo de la patrino de Kristo, kiu nin protektas, petas por ni en la ĉielo, kaj jam antaŭ unu miljaro ŝi mem mirakle diris, ke la sankta athosa tero apartenos sole al viroj. Kiu ajn el ni, kiu la virinon nure ekvidas, estas pesita kiel peka, kaj de tiu peko lin purigos sole la severa pento kaj fasto."

* Fragmento el la vojaĝskribo de la aŭtoro: *Trans naŭ montoj.*

---

Nun li estas elĉerpita, maljuna kaj senhava, sed pro gloro li premos la manon de la prezidanto!

Tio lin rekompencos pro ĉio: pro la sklavecaj jaroj, pro nescio kaj izoleco, pro la avaraj jaroj, kaj pro la malnoblaj — la malgrasaj jaroj, pro la monelpremaj jaroj, kiuj mortigis lian edzinon, forpelis liajn filojn, kaj distordis kaj ruinigis lian propran korpon. Jes, ĝi estos valora.

(Tiamaniere pensas la *jenkioj:* loĝantoj de kelkaj ŝtatoj, kiuj rigardas sin „veraj usonanoj". Ili malestimas la reĝojn kaj la eluzitajn eŭropajn adorantojn de reĝo Georgo, aŭ reĝo Leopoldo, ktp., sed ili ĉiuj suferus malsaton, nudon kaj malvarmon por ekpremi la manon de la prezidanto de Usono. Jes, nenio konkreta estas gajnita — oni ne fariĝas pli saĝa, pli nobla, eĉ ne pli riĉa per tia ago, sed ĝi kontentigas ion en la animo *jenkia.* La lakeon en ĝi eble. Aŭ ion romantikan, aŭ pli ĝuste la malbenitan malsaĝon. Mi ne povas tion diveni. Sed mi scias, ke la rimedo, per kiu oni povas korupti lojalan laborist-gvidanton, estas: permesi al li ekpremi la manon de l' prezidanto. Tiu artifiko funkcias egale bone ĉe negro-gvidantoj, subpremataj bakrotitaj farmistoj, trust-subigitaj komercistetoj, kaj la klub-sinjorinoj, kiuj „ĝentile" agitas por la forigo de infan-laboro kaj similaj aferoj. Ili ĉiuj cedus kaj cedas la lastan honor-fibron por la privilegio de manpremo al la prezidanto de Usono. Divenu la kialon mem; mi devas konfesi mian malkapablecon.)

La vagonaro atingis Vaŝingtonon. La kongresano atendis ĉe la stacidomo la Iowa-an farmiston kaj gvidis lin al la Blanka Domo. Tie li trovis mil aliajn *jenkiojn,* kiuj atendis por manpremi kun la prezidanto. Tio mirigis lin, ĉar li revis en sia soleca farmbieno pri ia sankta kaj unika momento.

Post kvaronhora kaj kvindekjara atendo lia vico fine venis. Subite li estis puŝita de la malantaŭo, li ektuŝis malvarman gluecan manon kaj ekvidis fiksan prezidantan rideton kaj nebulaĵon de redingoto. Subite li troviĝis en la vestiblo, konfuzita, inter mil aliaj konfuzitaj *jenkioj.* La tuto daŭris klekajn sekundojn, tiu plenumiĝo de tutaviva sopirado.

„Mi eĉ ne havis la ŝancon diri al li, ke mi voĉdonis dum kvardek jaroj ĉiam por la Respublikana Partio" la maljuna Iowa-ano malforta plendis al alia *jenkio.* Ili elpaŝis al la razeno kaj ĝentile, kvankam firme elpelis ilin grasaj detektivoj.

Jen la tuto de la rakonto. Tamen mi devas aldoni, ke la maljuna farmisto mortis ses monatojn poste; nenio grava mankis al li, diris la kuracisto, sed ŝajnis, ke li perdis sian tutan interesiĝon pri la vivo. Restis por li nenio vivinda.

Li silentiĝis rigardante al la tero; kvazaŭ li kolektus fortojn al la plua, emocia rakontado.

„Nun kiam vi jam scias, kion signifas nure ekvidi ia virinon, imagu, frato" flustradis liaj lipoj tremante, „imagu nur, ke en mia ermitejo troviĝis du virnioj, kiuj restis ĉi tie la tutan semajnon, kaj ke mi, Dio mem scias, ne kulpas pro tio" — li ekploretis — „kaj ke unu el ili mi ekvidis iun nokton apud la maro, sur la glatigita ŝtonego, tute nudigitan kaj eksopiris je ŝi. Estis ĝuste plenluno . . ." La larmoj perforte interrompis lian pluan parolon.

„Se vi sciis, ke temas pri virinoj, kial vi akceptis ilin en vian ermitejon, patro?" mi demandis mirigite. La monaĥo, havante ankoraŭ larmojn en la okuloj, kolere respondis: „Tion mi ĝuste eĉ iom ne antaŭsentis! Aŭskultu do, kiel tio okazis."

Iun vesperon mi sidas ekstere antaŭ mia kabaneto kaj subite mi rimarkas, ke la ŝnurŝtupetaro, alligita al la ŝtonego antaŭ la pordo, ekbalanciĝas. Apogante min per unu mano al la ŝtona elstarajo, mi rigardas malsupren, en profundajon, kaj vidas, ke super la brančaro de platanoj grimpas al mi du junaj, almenaŭ dekokjaraj knaboj, kiuj min poste ruslingve alparolis. Ili havis pezajn, forĝitajn botojn, sur la ŝultroj vojaĝmantelojn kaj ledajn pendsakojn. Ili rakontis, ke ili devenas de la Ĥarkova gubernio, kaj tie perdinte siajn gepatrojn, ili foriris fremdlanden. Mia Dio, mi troviĝas ĉi tie de mia dekdua jaro, nenion mi scias pri la mondo kaj mi devis aŭskulti tiom da novaĵoj pri mia patrujo. Mi prizorgis la knabojn, kvazaŭ ili estus miaj fratoj. Kiam ili deziris post du tagoj foriri, mi petis ilin ne foriri, kaj sekve de tio ili restis ĉi tie la tutan semajnon. Mian liton mi pruntedonis al ili, kaj mi mem dormis en la groto apud la kabano.

Iun vesperon — tio okazis ĝuste en la tago de plenluno — mi ne povis ekdormi. Estis granda varmego kaj krom tio min turmentis svarmego da moskitoj. Mi malsupreniris per la ŝnurŝtupetaro en la profundon. Irante tra la laŭroarbaro, kiu tiam dolĉe odoris, mi atingis la maron, kiu estis en tiu ĉi nokto rimarkinde kvieta. Ĝi brilegis en la forta lunlumo, kiel glate polurita disko.

Refreŝigita de la pli malvarma mara aero, mi grimpas mallaŭte sur la ŝtonegoj amasigitaj kaose kaj sovaĝe sur la bordo sub la ŝtonrokoj, kiam mi hazarde restas staranta en profunda ombro de unu el la rokmuroj. Rekte antaŭ mi, iom pli alte sur la kontraŭa ŝtono, en la maro blanke briletas io en la luna lumo. Tio estas homa korpo. Komence mi konjektis, ke estas fratulo Evstrat, la greka ermito, kiu de tempo al tempo en tiuj ĉi forlasitaj lokoj nokte sin banas. Fratulo Evstrat estas sesdekjara maljunulo kun longaj haroj kaj barbo, grizaj kiel lino. Sed la figuro, kiun mi vidis, estis senbarba kaj la mallonge tonditaj haroj estis nigraj kiel nokto.

Subite la blanka ĥimero ekstaras, etendas siajn graciajn brakojn al la lunradioj, fleksiĝas ondsimile en la talio, kaj mi mirigite vidas, ke tio estas — virino. Ŝia korpo ŝajnas glatigita el neĝa marmoro, simila al tiu, kiun iam en mia infanaĝo mi vidis en malpia libro.

La staturo rigardas supren al la ĉielo, la knabinaj mamoj libere moviĝas, kaj min atakas grandega postulemo. Sed poste du, tri movoj ŝanĝiĝas en unu longan naĝsaltegon, kaj la ĥimero malaperas en la marondoj, en kiuj ankoraŭ certan tempon brulas svarmo da malvarmaj verdaj fajreroj.

Mi galopis de la loko de peko, kiel freneza. Mia koro bategis kaj en ĉiuj kruroj mi sentis miksajon de stranga, malforta sopiro kaj doloro. Mi konjektis, ke la diablo tentis min per tiu ĥimero. Dum la kurado tra la laŭroarbaro mi ekfalis, enkroĉis miajn fingrojn en la teron, sed tiun virinon mi konstante vidis antaŭ mi. La tutan nokton mi pasigis ekstere sur la rokoj, kaj ĉe la sunleviĝo mi revenis lacigita supren en mian ermitejon. La du knaboj la saman tagon foriris. Ili kore min adiaŭis, kaj demandis pri mia ekscitéco. Mi diris al ili nenion. Post kelkaj tagoj ermito Evstrat portis al mi leteron el Dafne. Neniam antaŭe mi ricevis ian leteron. Mi malfermas ĝin solece kaj malrapide legas ruse:

*„Kara patro Jevlogio, ni neniam forgesos Vin kaj Vian ermitejon. Ĉiam ni rememoros la belan maron sub la laŭroarbaro, kie ni travivis ensorĉitan lunan nokton. Ni estis pri la Athos-monto tre scivolemaj. Anastazia Petrovna kaj Tatjana Nikolajevna."*

# LINGVO

**„Radika transitiveco"**

Sur la paĝo 58 de L. M. mi legas: „Li (s-ro Nylén) diris, ke radiko havas *nenian memstaran sencon*, do ankaŭ la transitivan signifon ĝi ne povas enteni." — Ĉu iu prudenta homo vere kredas, ke tian sensencaĵon mi diris! — Tute kontraŭe: mi diris kaj opinias, ke radiko de Esperanto enhavas multe pli da senco, da signifo ol oni ordinare pensas. Pro tiu karaktero de la radiko oni ne katenu ĝin al unu speciala gramatika karaktero, mi diris.

Ni prenu hazarde la radikon *patr'*: ĝi enhavas la signifon patro, patra, patre (ankau „patri", se tiu ĉi verbo peras en la kunteksto efektivan sencon), sed, ekzemple, ankaŭ (potenciale) la sencon *patrino*. Ĉar se la radiko *patr'* ne enhavas pli da signifo ol la *vorto* patro, tiam la vorto patrino devas signifi: patro + ino (t. e. ia estaĵo duseksa). Por ke la vorto patrino povu vere signifi tion, kion ĝi devas signifi kaj efektive signifas, estas necese, ke ankaŭ tia ĉi senco jam (potenciale) ekzistas en la radiko. Estas do evidente, ke la *radiko patr'* havas pli ampleksan enhavon, pli da senco, pli da signifo interne de si, ol la *vorto patro*, kiu staras antaŭ ni, elvokita el sia senceproviza ĉambro, el sia subkonsciejo, aktualigita per la substantiva finaĵo en formon de substantivo kun sia metita signifo leksika.

Esperanto estas tute noveca, memstara lingvo, ŝajne simila, sed reale malsimila al la niaj, ĉar konstruita kaj konstante konstruata el *radikoj*. Se ni forgesos tion kaj pritraktos ĝin laŭ niaj spertoj donitaj al ni de niaj propraj naciaj lingvoj, kiuj konsistas el pretvortoj, ni facile misjuĝos ĝin kaj *miope* metus por ĝia uzado leĝojn tute malbonajn, erarajn.

Ni *esploru* nian lingvon Esperanto laŭ ĉiuj vidpunktoj, en ĉiuj ĝiaj detaloj kaj eblecoj; sed ni ne provu kateni ĝin per nesaĝa leĝdonado.

La celo de la L. K. estas *konservi* kaj kontroli.

Kaj pri la „radika transitiveco" mi volas diri la jenon.

Lau la vidmaniero de la gramatiko latina (kiu dum jarcentoj katenadis ankau niajn nacilingvajn gramatikojn) ĉiu verbo regas iun kazon, unu verbo la akuzativon, alia genitivon aŭ ablativon kaj dativon.

La verboj de Esperanto tiel ne „regas" kazon.

Laŭ la Oficiala Klasika Libro de Esperanto, Kolekto de la Akademio, la radiko *nask'* signifas: *fr.* mettre au monde, faire naître, engendrer; *a.* to bear, produce; *g.* gebären.

Do la radiko *nask'* estas per la tradukoj prezentita al ni lau verba senco, eĉ per verboj, kiuj en niaj naciaj lingvoj estas transitivaj, sekve la *vorto* nask*i*, nask*as*. Nu, kiun kazon „regas" la verbo *naski?* Pri tio oni tute ne bezonas cerbumi; oni rajtas uzi la plej simplan manieron kunigi la verbon kun ĝia komplemento, nome per prepozicio kaj per la prepozicio plej primitiva, ĉiam uzebla: *je;* „naski je infano" (Plena Gram. regul. 14): „Anstataŭ la prep. *je* oni povas ankau uzi la akuzativon sen prepozicio", t. e. la vorto *n*, kiu montras la direkton de la ago. (Verbo esprimas ĉiam *agon*, *aŭ en movo*, al celo — „transitiva", au en *ripozo*, „stato" — netransitiva verbo).

Niaj lingvoj ne uzas radikojn, pro tio ni ne povas traduki la Esperanto-lingvajn radikojn ekzakte. En tiu ĉi okazo ni havas niajn transitivajn verbojn, kaj donas per ili nian tradukon. Sed tiu ĉi vesto, kiun ni donas al la radiko, por koni kaj rekoni ĝin, ne forprenas de la radiko ĝian karakteron de radiko neniel ligita al nura transitiveco.

*Paul Nylén*

**Io—ujo.**

En ĉiuj ludoj kaj sportoj ĉiu kunludanto estas ĉiam zorgema obei la regulojn de la ludo; laŭ la sama principo ni ĉiuj ankau uzadas nian nacian lingvon. Tiel ne la *io*-anoj. Anstatau obei la regulojn, ili prefere sofismas.

Por mildigi la landnoman *i*, Zamenhof enŝovis antaŭ la *i* la vokalon *u:* ui, skribata uj, pro *akcento* kaj *eŭfonio*. Se *ni* ĉiuj lojale sekvas la Fundamenton, la kunlaboro por la komuna celo estos multe pli agrabla kaj fruktodona, ol se kelkaj, rajdante siajn amatajn ĉevaletojn, preferas krei disharmonion per propraj dialektoj.

---

„Mallumiĝis antaŭ miaj okuloj. La leteron mi tuj bruligis, sed la mortpekon kaj sopiregon je la virino mi ne sukcesis forigi de mi" finis la kompatinda juna monaĥo sian konfeson.

„De tiu tempo mi fastas, mi vipas kaj turmentas mian korpon, kiel mi nur povas. Sed kiam mi komencas la preĝon, elstaras en la mallumo antaŭ mi la fantomo de la ekvidita virino, kaj mi timas, ke mi ĝin neniam sukcesos forigi. Mi estas tute malfeliĉa — la laŭroj tiam tiel odoris, kaj tiu virino estis tiel belega. Ŝi havis korpon kvazaŭ glatigitan el blanka marmoro . . ." li komencis deliri kiel en febro.

Mi volis lin trankviligi — sed mi ne povis. . . . Mi sentis en ĉiu mia nervo, ke li portos sian imagon kun si en la tombon.

El la ĉeĥa : *Evjen Belda*

Estas granda domaĝo, ke L. M., alie tiel bonkvalita kaj alt-klasa, forpuŝas la lojalajn esperantistojn per siaj frondadoj, kvazaŭ aktorante la malican bubon, kiu obstinas slangbabili en la gepatra societo. *P. Nn.*

### Respondo

Estimata Sinjoro Nylén! En la nomo de Alex Kay mi devas peti vian pardonon pro tio, ke li miscitis vian *doktrinon*, skribante, ke vi atribuas al la radikoj neniun memstaran sencon, dum vi, tute male, atribuas al ili multe pli da senco, ol oni opinias.

Estas nepra postulo, ke oni ĝuste citu tiun opinion, kiun oni volas refuti, kaj sendube Alex Kay pekis kontraŭ ĉi tiu postulo. Tamen oni povas trovi por li senkulpigon. Nome, se oni esploras tiujn du tekstojn, tiel diferencajn laŭ la vortoj, oni venas al la neatendita rezulto, ke ili diras tute la samon laŭ la esenco.

En la hungara lingvo ekzistas la vorto *ár*, kiu havas tri sencojn: prezo, akvoŝvelo, ŝuista pikilo. Ĉi tiu vorto ŝajnas pli riĉa ol la ceteraj vortoj, sed fakte — ĝi estas pli malriĉa, ĉar neniu el ĝiaj sencoj evidentiĝas *memstare*, sen la kunteksto.

En la japana lingvo ekzistas tiaj vortoj amase, kaj povas okazi, ke en la sama teksto renkontiĝas pluraj el ili, tiel ke eĉ la kunteksto ne helpas. La frazo fariĝas nekomprenebla, el la tro multaj sencoj rezultas sensenceco. Tiam oni helpas sin tiel, ke prenante skribilojn, oni skribas la *frazon per ĉinaj* ideogramoj, do la sensencecon kaŭzitan per tro multa senco oni forigas per la mizere unusencaj signoj.

Estas do evidente, ke ju pli multajn sencojn havas iu vorto, des malpli da senco ĝi havas. Se ekzistus vorto, kiu enhavus la sencon de *ĉiuj* vortoj, tiu vorto tute *ne* havus sencon. (Ĝi ekzistas en la hungara: la vorto *„izé"*. Noto de la kompostisto.)

Sekve, kiam vi diras, ke ekz-e *tajlor'* enhavas *ĉiujn* gramatikajn sencojn (karakterojn): la la *konkretan* (*substantivan*), la kvalitan (adjektivan), la agan (verban) kaj manieran (adverban), tio signifas samtempe, ke ĝi enhavas *neniun* el ili.

Mi ne volas nun okupiĝi pri tio, ĉu la radikoj estas unusencaj aŭ ĉiusencaj, t. e. neniusencaj. Mi sendas al vi mian broŝuron *„La gramatika karaktero de la Esperantaj radikoj"* kaj scivole atendas vian kritikon pri ĝi. En ĉi tiu respondo mi volus pritrakti nur la demandon de la radika transitiveco.

Ne temas ĉi-koncerne pri tio, kian kazon regas la verboj. Oni devas decidi pri jenaj du demandoj:

1. Ĉu en Esperanto oni povas distingi verbojn transitivajn kaj netransitivajn, tiel same, kiel en la naciaj lingvoj?

2. Ĉu tiu transitiveco aŭ netransitiveco estas jam entenata en la radikoj, aŭ estiĝas nur en la vortoj, per la verbaj finaĵoj?

Por esplori la unuan demandon, ni vicigu du grupojn de verboj:

*a)* esti, agi, flui, ŝajni, bruli, veni, flugi, fali, iĝi (kaj ĉiuj iĝi-verboj);

*b)* fari, kovri, ami, scii, rompi, perdi, fini, komenci, igi (kaj ĉiuj igi-verboj).

Oni povas konstati, ke la verboj sub *a)* povas havi nek *akuzativan objekton*, nek *pasivon*; kaj ke la verboj sub *b)* povas havi ilin ambaŭ. La du verbo-grupojn do distingas tio sama, kio la verbojn transitivajn kaj netransitivajn. Sekve tiuj du verbo-kategorioj ekzistas ankaŭ en Esperanto.

Pri la dua demando decidas la fakto, ke la verboj de ambaŭ grupoj havas la saman i-finaĵon, kaj tamen la unu grupo estas transitiva, la alia ne. El tio ja sekvas, ke la i-finaĵo efikas nek transitivige, nek netransitivige: el ĉi tiu vidpunkto ĝi estas plene indiferenta, senkolora elemento, kvazaŭ travidebla, senkolora celofano. Sed se oni envolvas diverskolorajn objektojn en senkoloran celofanon, evidente tiuj vidiĝos diverskoloraj ne pro la celofano, sed pro sia propra koloro. Do ankaŭ la radikoj naskas diverskolorajn, diverskategoriajn verbojn ne pro la celofane senkategoria i-finaĵo, sed pro sia propra kategorieco: se *naski* estas transitiva, kaj *-i* estas indiferenta, tiu transitiveco jam devas enesti en la radiko *nask'*. Kaj en la Oficiala Klasika Libro ĝi estas difinita kiel transitiva ne pro la naturo de la traduk-lingvoj, sed pro sia propra naturo.

Efektive, *oni klare vidas, kiel* zorge oni klopodas elimini la miskomprenojn en tiuj difinoj, kaj neprigi la transitivecon de la radiko. Oni donas plurajn difinojn, ekz-e: *faire naitre, mettre au monde, engendrer;* do *faire naitre* (ne: *naitre), mettre* (ne: *venir) au monde.* Se oni volus signi la senkarakterecon (aŭ dukarakterecon) de la radiko, estus ja simple miksi tiujn difinojn, ekz-e: *naitre, mettre au monde.* Sed kio okazus tiam? Oni dirus: „ŝi naskis je la dua de marto" — kaj neniu scius, ĉu tiam ŝi patriniĝis, aŭ venis en la mondon.

Se la verbradikoj havus ambaŭ karakterojn (*do neniun* el ili), oni devus en la verboj ĉiam signi, kiun karakteron oni volas al ili doni, do ĉiu verbo devus finiĝi aŭ per la transitiviga -igi, aŭ per la netransitiviga -iĝi. „Meti en la mondon" estus esprimata per „naskigi", „veni en la mondon" per „naskiĝi; kaj *naski* estus resuma formo por ambaŭ esprimoj. „Fari flamanta" estus bruligi, esti flamanta: „bruliĝi", kaj „bruli" estus ambaŭsenca. Sed „meti en la mondon" esprimiĝas per „naski" kaj „esti flamanta" per „naski" kaj „esti flamanta" per „bruli". Kial ni sentas ĉe ili superfluaj la transitivigan kaj netransitivigan sufiksojn? Kaj kial ni sentas tiujn necesaj ĉe *bruligi* kaj *naskiĝi* Evidente, ĉar oni devas signi nur tion, kion la radiko ne enhavas.

# OBSERVO

**Attila József** (jojef), kies poemojn la leganto trovas en ĉi tiu numero, estas certe la plej granda hungara poeto de la intermilitaj jaroj. Li havis mizeran vivon: lia patro, sapfaristo, frue elmigris al Ameriko, kaj la infano restis al la zorgado de la patrino, kiu vivtenis sin kiel lavistino. La viglintelekta knabo studis gimnazion, parte per subteno de bonvoluloj, parte per mono akirita per plej diversaj okupoj: gazetvendado, maizkampgardado, taglaboro, helpinstruo de infanoj, libragentado ktp. Poste li ekstudis la filozofian fakultaton, sed post unu jaro, pro poemo aperinta en gazeto, la rektoro lin „forkonsilis". Tiam li iris al Vieno kaj studis plu en apenaŭ eldirebla mizero, poste, trovinte mecenatinon, li venis al Parizo kaj pasigis kelkan tempon sur la sudfranca marbordo. Reveninte al Budapest, li finis siajn universitatajn studojn, sed la profesoran ekzamenon li ne faris, havante nenian esperon por ricevi okupon. Diversmaniere li perlaboris sian vivtenon, sed dume la multaj penoj kaj suferoj tiom ŝarĝis liajn nervojn, ke li akiris gravan neŭrastenion, kiu pli kaj pli evoluis je psikopatio. En tia stato, en 1937, havante 32 jarojn, li ĵetis sin sub vagonaron, kiu lin mortigis.

Lian poezion karakterizas, krom la plej granda formperfekteco, animskua forto, popola freŝo, riĉe orkestrita sentemo, en kiun miksiĝas kelkfoje moka buba grimaco aŭ demona humuro. Sed li estas la poeto de la realismo: li diris pli-multe pri la sentoj kaj pensoj de la laborista klaso — unu el la plej subpremitaj en Europo — ol kiom povis komuniki politiko, scienco aŭ ago. Lia plena vivoverko nun ankoraŭ ŝajnas por la grandaj amasoj komplikita, malfacile alirebla. Sed pluraj el liaj poemoj fariĝis kvazaŭ vojmontriloj; pri tiuj pruviĝis trafa, kion li skribis: „popolon mian tutan pleje, jes, kaj ne sole mezlernejе mi instruos".

El la ĉi-numere publikitaj poemoj „Pur-kore" estas tiu, kiu rompis la universitatan karieron de la poeto; en ĝi la ribelo ekŝprucas ankoraŭ nihilisme: forĵetinte ĉiun devigan idealon, ĝi alprenas la ŝajnan individuan liberon de la anarkio. Tiun ŝtupon de evoluo la poeto baldaŭ lasis post si: la lokon de la anarkisma ribelo okupas la konstruema, klaskonscia strebado. La sincera, monumente elsonoranta doloro de „Panjo" kaj la buba fanfarono de „Porkpaŝtisto" ne bezonas komentarion. La naivan freŝon de „Tri Reĝoj" mi prezentas al niaj legantoj kiel kristnaskan donacon.

*K. K.*

**Camus: La pesto**

Sendube signifa verko. Ankaŭ ĝis nun oni rigardis ĝian aŭtoron, kiel elstaran reprezentanton de la generacio proksimiĝanta al la mezo de viraĝo. Lia unua romano, „La Fremdulo", pripentras la malplenon de homo, kiu forŝiriĝis de la moralaj principoj, kaj kiun la socio surtretas, ne pro tio, ke li faris ian krimon, sed pro tio, ke li ne estas konvena por la

---

Mi devas do eldiri, ke via vidpunkto, ke nome Esperanto estas reale malsimila al la naciaj lingvoj pro sia radik-strukturo, estas vidpunkto aprioria, kiun la lingvo-esploro, kiel oni ĉi-supre povas vidi, tute ne praviĝas. La Esperantaj verbradikoj estas same unukarakteraj (aŭ transitivaj aŭ netransitivaj), kiel la nacilingvaj verboj.

*

Mi kredas, ke Esperanto ne estas societa ludo, kiun oni ludas zorgeme obeante ĝiajn regulojn, sed lingvo, kiu — domaĝe aŭ ĝojinde — evoluas, riĉiĝas, fakte „lau la sama principo" kiel la naciaj lingvoj. Kaj en preskaŭ ĉiu lingvo ekzistas slango. La vortojn de tiu slango komence eble uzas nur malicaj buboj en la gepatra societo, sed poste okazas pri kelkaj slangvortoj, ke ili eniras la komunan, eĉ la literaturan lingvon, kaj tiam ilin registras la vortaroj kaj uzas eĉ la gepatroj mem. Oni povas tion malaprobi, sed ne povas malhelpi.

Mi opinias, ke -io estas uzata nuntempe de tiom da miloj de esperantistoj, ke oni ne povas ĝin ekzili el nia societo de L. M. Estas eble, ke ĝi estas lingva peko; sed tiu lingva peko, kiun uzas amasoj, fariĝas lingva regulo.

Mi vere ĝojas, ke vi nomas slangvortoj la landnomojn kun -io, ĉar tio donas novan eblon de interkonsento. Ni scias, ke nur malgranda parto de la slangvortoj vivas longe, la plejparto havas tute efemeran vivon. Ni ĝisatendu do senpasie, ĉu -io apartenos al la daŭraj, aŭ al la efemeraj slangvortoj. Kaj ĝis tiam: Pax nobiscum.

*K. Kalocsay*

**Pri transskribo de rusaj nomoj**

En „L. M. n-ro 5, 6 mi kun granda miro legis artikolon pri Dostojevskij. Ne temas pri la enhavo, sed ĉu la aŭtoro ne scias, ke rusajn nomojn oni simple transskribas uzante la esperantajn literojn, kaj dr-o *Mildwurf* enkondukis iajn novajn, fremdajn al Esperanta lingvo, literojn. Anstataŭ simpla Fjodor Dostojevskij, li enkondukas „Dostoyewsky" ktp. Li eĉ ne scias, ke jam en „Fundamenta Krestomatio" Zamenhof uzis kompreneblan formon Puŝkin, sed ne „Pushkin", kiel volas la aŭtoro de la artikolo.

Ni ne kompliku Esperanton kaj verkante artikolojn pri la rusa literaturo, ni antaŭ ĉio sciu korekte transskribi la rusajn nomojn.

*I. Dratwer*

komunhoma vivo: lin altiras nek amo, nek amikeco, nek profesio. La sensenceecon de la ekzisto reliefigas ĉi tiu libro, kaj la saman ekzistisman linion ni trovas en la du dramoj: „La Miskompreno“ kaj „Caligula“, kaj eĉ pli emfaze en lia eseo-volumo: „La Mito de Sizifo“. En ĉi lasta libro la autoro okupiĝas pri la komunhoma situacio, kaj pri la memvole akceptita ago de la sencele erarvaga homo; el la sizifa problemo lin interesas tiu decida momento, kiam la homo refalas, por rekomenci la vanan penadon. La nun aperinta romano profundigas la saman *problemon* de sencela entrepreno kaj senkreda ago.

Se mi volus ne konigi, sed kritiki ĉi tiun romanon, mi atakus ties koncepton, ke nome la ago por komuna bono estas nura sporta fortostreĉo; ĉi tiu koncepto ja sekvas el tiu senhelpa penso, ke la kolektivan agadon oni devas klarigi per transcendaj motivoj. La senco de tia agado nun jam estas senpere perceptebla, kaj komprenebla ĝi estas la esenca enhavo de la homa vivo; estas ja tiel simpla fakto, ke la homo ne povas vivi ekster socio, do la sociemo apartenas al liaj naturaj instinktoj. Sed, ĉar mi opinias, ke gravajn verkojn oni devas koni kaj apreci, eĉ se oni ne konsentas kun ili, kaj krome, ĉar ĉi tiu libro estas valora simptomo pri tio, en kian sakstraton venis la individuisma pensado, mi simple prezentas la novan verkon.

La „peston“ oni devas kompreni en vasta senco, kiel komunan nomon de ĉiu malbono, kiu venenas la homan vivon en la nuna socio, endanĝerigas la homan ekziston, malhelpas la homan liberon. La autoro ne troigas la alegorion, li rakontas efektivan peston, epidemion, kaj lasas al la leganto la decidon, kion li komprenu per la fatala malsano.

Komence oni vidas eliri la ratojn el la kloakoj kaj keloj, kaj krevi en la ŝtuparoj kaj koridoroj. Maljuna pordisto, kiu opinias tion ŝerco de malbonaj knaboj, falas kiel la unua viktimo de la pesto. Kaj la epidemio invadas la tutan urbon — temas pri la nordalĝeria Oran — rapidege dekumante la loĝantaron. La ordonoj de la prefekto estas nesufiĉaj kaj senefikaj. Kaj venas la ordono el Parizo: „Fermu la urbon!“ Subite 200.000 loĝantoj estas ekzilitaj. Ekzilitaj, kiel parto de Europo estis dum la milito. Ekzilitaj, kiel nun ĉiuj teranoj, ĉar la tero estas por ni kvazau malsana urbo, kie ni ĉiuj estas pestinfektitaj. Pesto en la spiritoj, pesto en la konsciencoj, kaj la ĉefaj pestoj estas la angoro esti homo, kaj la preskaua honto, ke oni naskiĝis. Ne ekzistas azilo tera, nek dezerto, nek pacifika insulo, kie oni povus eskapi el la hororo de la homa ekzisto; oni devus forlasi la planedon, sed ni estas ĉi tie enkarcerigitaj, kiel la orananoj en sia pesta urbo.

La pesto mem estas pentrita de Camus realisme, sed sen troigo. Ni vidas la pli kaj pli simpliĝantajn enterigajn ceremoniojn, la disvastiĝon de la tombejoj, la utiligon de krematorioj, la kreskantan apation de la vivantoj, kiuj alkutimiĝas ne plu respekti la mortintojn. La homaj interrilatoj ŝanĝiĝas antau la fatala plago: pluraj rezignacias, malesperas, aliaj serĉas konsolon en la religio kaj laŭ la pent-anonca voko de la predikanto plenigas la preĝejojn, aliaj rifuĝas en diboĉojn por endormigi sian konscion. Tamen, troviĝas ankaŭ tiaj, kiuj nek malesperas, nek rifuĝas, sed akceptas la laboron de savado, eĉ vidante ties vanon kaj sentante ties danĝeron.

Tiu malgranda grupo luktas en la centro de la romano: unu kuracisto, Rieux, kiu komence laŭdeve, kaj poste kun kreskkanta konvinkiĝo alprenas la direktadon; unu dubsorta vojaĝanto, la militrifuzanto Tarrou, kiu propre havus nenion fari inter la pestuloj, kaj kiu antau la okuloj de la leganto fariĝas la ĉefa organizanto de la savado; unu jurnalisto, Lambert, kiu povus eskapi kaj reiri al sia edzino en Francujo, kaj kiu tamen decidas resti por dividi la penon kaj danĝeron kun la aliaj; unu monako, kiu antaue predikas la pentofaradon, kaj kiun la morto de senkulpa infano instigas al sinofera agado. La dialogoj inter Rieux kaj Tarrou prezentas la esencon de la morala problemo, laŭ la koncepto de Camus. Jen ekz-e unu el tiuj dialogoj: „Do esence“, diras simple Tarrou, „tio min interesas unuavice, kiamaniere la homo povas fariĝi sanktulo.“ — „Sed vi ja ne kredas je Dio!“ respondas la kuracisto. — „Ĝuste tial. Ĉu oni povas esti sanktulo sen Dio? Jen la sola vera problemo, kiun mi konas nuntempe.“

Jen estas do ŝajne la esenco de la direnhavo de Camus: ankau la sencela kaj senespera agado povas havi siajn heroojn kaj sanktulojn: la agado por komuna bono ne bezonas moralajn aŭ politikajn au mondkonceptajn motivojn. Rieux estas heroo de la sencela sinofero, kaj Tarrou estas sanktulo sen Dio.

Sed kial do — demandas Camus — tiu postulo de justo, tiu ardo de kompato, tiu sinofero, kiuj neniam estis pli ardaj, ol ĝuste en nia terure maljusta kaj senindulga socio? Ĉu ili alportos la savon? Por la pestuloj de Oran ne plu ekzistas individuaj destinoj, sed sole kolektiva historio, kiu estas la pesto kaj la sorto dividita de ĉiu. Tamen Tarrou ne estas Rieux, kaj ĉi tiu ne estas Lambert, nek Paneloux. Ni savu ankau la individuecon, almenaŭ pro la nuancoj. Ne estas plu liberaj homoj: tio estas la pesto.

Sed la pesto haltas. La urbo ekĝojegas, ekbruligas jubilfajrojn.

Tamen, Camus ne estus Camus, se li finus sian romanon per ĉi tiu ĝojo de liberiĝo: por tio li devus fornei sian „linion“. Lia lasta frazo primokas la

jubilon de la saviĝinta Oran; ĝi anoncas, ke la pesto revekos siajn ratojn, sendos ilin morti tie. En la mondo de Camus oni ne rajtas havi esperon.

Tiamaniere la autoro, unu el la lastaj reprezentantoj de la okcidenta intelektismo, kaj sendube la plej signifa el ili, roligas siajn heroojn kaj sanktulojn, kiuj „entreprenas sen espero kaj eltenas sen rezulto". Sed ni, kaj certe multaj el liaj legantoj, havas firman esperon kaj vidas evidentajn rezultojn. Kaj la peston ni tute ne trovas nekuracebla, sed la kuracmanieron ni prezentas al ni alie, ol la senpovaj herooj kaj senkredaj sanktuloj de Camus.

*D. L.*

### Centjara datreveno de la naskiĝo de Boleslaw Prus

Unu el la plej ŝatataj legaĵoj de la esperantistoj en la periodo antau la nuna mondmilito estis la trivoluma „Faraono" de *Boleslaw Prus* en la klasika traduko de Kabe.

En la kuranta jaro forpasis cent jaroj ekde la naskiĝtago de tiu eminenta pola verkisto.

Boleslaw Prus (la vera nomo: Aleksander Glowacki) naskiĝis en la jaro 1847. Kiel deksesjara knabo li partoprenis la insurekcion kontrau la rusoj en la jaro 1863, li studis en politeknika lernejo kaj laboris ankaŭ en fabriko.

La unuaj verkoj de Prus aperis en humoraj gazetoj.

Per sia skribmaniero, speco de verkista stilo, kvieta humoro kaj nobleco de sentoj, Prus similas al Dickens. Sub la influo de la tiam moda pozitivismo li estis fanatikulo de scienco, precipe de matematiko.

En siaj verkoj Prus strebis esplori la enigmon de ekzistado, profunde amis la homaron, klopodis eduki la tiaman polan socion.

La plej gravaj verkoj de Prus, kiuj estiĝis trezoroj de la pola literaturo„ estas „Posteno", „Pupo", „Emancipistinoj" kaj „Faraono".

En la „Posteno" estas prezentita la amo de la pola vilaĝano al sia tero, kiu tute sola, sen apogo kontraŭstaras la ekspansion de germanaj koloniigantoj al oriento. Prus antaŭsentis la germanan danĝeron, danĝeron de la estonta tuteca milito.

„Volu atendi iom, kaj el la fama iam germana scienco elkreskos »nova kemio« por veneni la neŝatindajn popolojn, — »la nova medicino« por superverŝi ilin per epidemioj."

„La tuta germana regno ricevas atakojn de furiozo, fariĝante la fortikaĵo de banditoj kaj friponoj" — tiel skribis Prus.

La „Pupo", la plej bona verko de Prus, prezentas la bildon de la pola socio post la insurekcio en la jaro 1863. En tiu ĉi romano Prus objektive montras la heroojn sur la fono de la epoko.

En la „Emancipistinoj" estas ektuŝitaj problemoj, ligitaj kun la liberiĝo de la virino.

En la historia romano „Faraono", skribita sub la influo de la eksterlandaj vojaĝoj de la aŭtoro, la enhavo estas bazita je la vivo en la antikva Egipto. Estas prezentita la batalo inter la faraono kaj la kaplanoj, la batalo inter la sentoj kaj la saĝeco kaj la volo de kaplanoj, nedezirantaj doni siajn kapablojn por la komuna bono de la lando.

Unu el la plej lastaj verkoj de Prus: „Infanoj" estas skribita sub la influo de la okazintaĵoj en jaro 1905 (la unua rusa revolucio). Tio estas romano pri la nova generacio.

Krom romanoj Boleslaw Prus skribis multajn novelojn. Kelkaj el ili, kiel ekzemple: „Pekoj de infaneco", „La vestaĵo" kaj aliaj aperis ankaŭ en Esperanta traduko.

Poleslaw Prus estis unu el la kreintoj de realismo en la pola literaturo, fidela observanto de la moderna al li epoko.

*I. Dratwer*

### Pola literatura premio

En la kuranta jaro la kutiman ĉiujaran premion de la literatura ĵurnalo „Odrodzenie" („Renaskiĝo") 250.000 zlotojn ricevis Jaroslaw Iwaszkiewicz, poeto, romanverkisto, literatura kaj muzika kritikisto. La premion li ricevis por siaj „Italaj Noveloj" kaj la romano „La Nova Amo".

Iwaszkiewicz de tridek jaroj estas aktiva en la pola literaturo. Li karakteriziĝas per la plej altaj atingaĵoj en la verkistarto kaj per pureco de la stilo. Iwaszkiewicz eldonis kelkajn kolektojn de poeziaĵoj, li estas aŭtoro de pluraj romanoj kaj verkis kelkajn teatraĵojn, inter aliaj la ĉarman „Somero en Nohant" pri la amo de *Chopin* kaj *George Sand*, kaj „Maskarado" el la vivo de *Puŝkin*.

Iwaszkiewicz ankau tradukis *Rimbaud, Gide, Morand* kaj aliajn.

La decido de la semajna ĵurnalo „Renaskiĝo" trovis ĝeneralan aprobon, kvankam ne mankis voĉoj, opiniantaj, ke la literaturan premion devus ricevi verkisto el la pli juna generacio, prezentanta en siaj verkoj la *nunan* polan efektivecon.

*I. Dratwer*

### Profundaj radikoj

La „Profundaj Radikoj" estas titolo de teatraĵo, verkita de du usonanoj, James Gow kaj Arnaud D'Ussau. En Europo kun grandega sukceso oni ludis ĝin en Moskvo kaj Leningrado, kaj el la granda sukceso oni povas konkludi, ke ĝia prezento sekvos en ĉiuj grandaj kaj malgrandaj teatroj de la Sovjetunio, en pluraj dekduoj de diversaj lingvoj.

La teatraĵo estas postmilita dramo; ĝia temo estas la sorto de la hejmenveninta veterano. Sed tiu veterano estas negro: Charles Brett, ĉefleŭtenanto de la amerika armeo.

Dum la milito Brett estis oficiro kaj heroo. Post sia hejmen-

veno li estas negro. Lin atendas lia patrino tie, kie ŝi brakumis lin adiaŭe: en la domo de senatoro Langdon. Ĉar la patrino de Brett estas servistino ĉe la blankaj gesinjoroj. La ĉirkaŭaĵo restis la sama, sed la reveninta filo ŝanĝiĝis. La negra junulo, al kiu oni diris, ke *li batalas* por la homaj rajtoj sur la malproksima tero, nun volas daŭrigi tiun batalon ankaŭ en sia patrujo.

Komence ŝajnas, ke Brett ne restas sola en tiu batalo por la homaj rajtoj de la negroj: la pliaĝa filino de Langdon, Alice, kiu jam antaŭe donis subtenon al Brett, kaj helpis lin lerni, studi universitaton, volas ankaŭ plue resti lia federulino. Kaj ŝajnas eĉ, ke mem la urbeto, kie la familio Langdon loĝas, eksentis ion el la grandaj skuoj de la milito. Sed baldaŭ evidentiĝas, kiel profundaj estas la radikoj de la amerika reakcio.

Senatoro Langdon estas tiel pasia batalanto por la ekspluato de homoj kaj malegaleco de rasoj, kia Brett por la demokratio. Sed Langdon estas pli potenca, kaj havas pli multajn kaj pli fidindajn federulojn ol Brett. Alice volas malhelpi la kolizion per tio, ke ŝi forigas sian protektaton el la vojo: ŝi volas lin sendi al Chicago por pluaj studoj. Sed Brett ne foriras: li transprenas en la urbeto la gvidadon de negra lernejo. Kaj jen montriĝas, ke la „kleriĝinta" Alice ne povas pardoni al sia protektato ĉi tiun „malobeon". Sub la „klereco" de Alice kaŝiĝas animsklavigemo. Por ŝi, Brett estas simpla posedaĵo, kiu nehavas rajton validigi sian volon.

Brett ne estas revoluciulo kaj al neniu partio li apartenas. Laŭ sia *rajto de veterana heroo* li daŭrigas sian batalon, agitas en la lernejo kaj preparas sin por sia parolado en la granda veterana kongreso, kiu okupiĝos pri la postmilitaj problemoj de la sudaj ŝtatoj de Usono. La la tipo de Langdon kutimas dispremi sian kontraŭulon jam tiam, kiam tiu apenaŭ levis ankoraŭ sian kapon el la polvo. Ankaŭ en Brett eksentas la senatoro la danĝeran antipodulon. *Li do elvokas kontraŭ li falsan akuzon:* Brett ŝtelis valoran familian horloĝon, kiun Langdon donacis al la verkisto Merric, fianĉo de Alice. Ĉu Alice kredas *tiun kalumnion?* Ne, sed en sia ofendita vanteco kaj en sia kolero pro la ribelo de ŝia spirita sklavo ŝi tamen subtenas la malnoblan artifikon de la maljunulo.

Sed senatoro Langdon havas ankoraŭ unu filinon: Navy. Ĉi tiu knabino estas ankoraŭ tro juna (aŭ ŝi jam estas el nova generacio?), por ke la profundaj radikoj de kanibala moralo povus trovi grundon en ŝia animo. Ŝi estas enamiĝinta al la ludkunulo de siaj infanaj jaroj, kaj Brett ŝin amas reciproke. Pri tiu amo, ofendanta la sanktajn antaŭjuĝojn, neniu indigniĝas pli forte, ol la kleriĝinta Alice. Ŝia *sovaĝa furioziĝo* kaj ŝia malnobla partopreno en la persekuto de Brett komencas deturni de ŝi ŝian fianĉon Merric, kiu rigardas la aferojn kun la bonaj intencoj de la honesta, progresema literaturisto kaj kun granda porcio da naiveco. Merric kaj Navy kune entreprenas la liberigon de Brett el la ungoj de la polico, sed ili ne estas sufiĉe fortaj por tiu tasko. Fine tamen ili sukcesas kun la helpo de advokato Maxvell, parenco de Langdon. Maxvell estas pli moderna, pli larĝvida politikisto ol Langdon, sed la profundaj radikoj estas la samaj ankaŭ en li. *Li bezonas sukceson por sia kariero:* per ĝi li volas ĝajni al si la verajn demokratojn. Tiamaniere Brett liberiĝas, por esti figuro sur la ŝaktabulo de Maxvell.

Tamen, la kalkulo de Maxvell eraras. Brett forlasas la urbeton, sed en la akompano de Navy. La sklavtena idilio de la familio Langdon estas renversita kaj neniam plu restariĝos. En Ameriko ne nur la sklavteno havas siajn profundajn radikojn, sed ankaŭ la demokratio. Kiu en Ameriko vidas nur Langdon-ojn, Maxvell-ojn kaj Alice-ojn, tiu estas blinda je unu okulo. *Ĉar tie estas ankaŭ la Navy-oj,* la Merric-oj, la Brett-oj. Ameriko konsistas el du tendaroj interbatalantaj, kaj se por momento la unua el tiuj tendaroj estas pli *forta, neniam ĝi povas akiri* definitivan venkon: ĝian plenan triumfon ĉiam malhelpas la alia Ameriko. Jen la instruo de la „Profundaj Radikoj". *F. I.*

**La socia fono de la amerika filmindustrio**

En la somera numero de la bela sveda filma fakrevuo „Biografbladet" aperis artikolo pri la supra temo; ties enhavon ni resumas ĉi tie. Laŭ la verkinto (Harry L. Schein) la socia kaj kun tio la politika fono de la amerika filmindustrio estas tre rimarkinda kaj esplorinda problemkomplekso — kun speciala penso pri tiu potenc-pozicio, kiun la filmindustrio havas kaj pri tiu influo, kiun la filmo radias al la tuta mondo. Tiu fono konsistas el kvin interes-kontrastoj: 1. La filmentreprenoj kun siaj ekonomiaj interesoj kaj kun tiu politika aktiveco, kiun oni ne povas bagateligi; 2. moralumaj, religiaj kaj politikaj rondoj kun la katolika eklezio kiel centro, kaj la tuta gazetaro, kiu en kunligo kun la ĵusmenciitaj havas fortan opinioformantan influon; la radikalaj intelektuloj, reprezentitaj per siaj fakunuiĝoj, kiel ekzemple Screen Writers Guild; 4. la sendependa fakorganiza movado, kiu malgraŭ la ofte *riproĉitaj mondodetruaj planoj* pace kunlaboras kun la konservativa American Federation of Labour; 5. kvazaŭ-sindikatoj, direktitaj de la filmentreprenoj. Tiuj lastaj fakte apartenas tute kaj senkondiĉe al la unua grupo.

La hollywoodaj filmfabrikoj havas sian negocan programon. Ili ne konkurencas unu kun la alia, ĉar malgraŭ la diversaj nomoj, ilia gvido centriĝas ĉe unu — anonima — persono, sidanta en la bankplaco de Wall-street. La filmentreprenoj

akre batalas kontraŭ la sendependaj fakorganizoj kaj kontraŭ la organizaj provoj de la laboristoj.

Politike la filmindustrio staras apud la kalifornia respublikana partio, kiu estas malpli reakcia, ol la aliaj similaj partioj en Usono. Mem la filmindustrio, kompare kun aliaj industrioj, estas pli progresema kaj reformema. Sed entute la laborist-malamika politiko de la filmindustriaj entreprenoj, kies ĉefa celo estas forigo de la liberaj fakorganizoj, klare konformiĝas al la oficiala sinteno de la respublikana partio. La industrio klopodas krei propprajn fakorganizojn kaj roligi tiujn, kiel solajn pritraktontojn. La anaro de tiu fakorganizoj estas malmulta.

La veraj fakorganizoj, organizitaj laŭ demokratiaj principoj, postulas rekonon, kiel intertraktantaj faktoroj, kaj kiam la entreprenoj tion rifuzas, ekestas strikoj. Kontraŭ la strikoj la fabrikoj defendas sin per dungitaj strikrompantoj. La rezulto estas ne tre objektiva polica enmiksiĝo. Tiuj veraj fakorganizoj cetere estas prefere ekonomiaj unuiĝoj, ol politik-ideologiaj organoj. Tiuj grandaj organizoj, kiuj estas kalkuleblaj kiel esceptoj, ne estas reprezentitaj en Hollywood. La fabrikoj premias la sukcesojn de la memkreitaj fakorganizoj kaj tio akrigas la batalon inter la du organizoj.

Estus troigo paroli pri senĝena amikeco inter la filmentreprenoj kaj la eklezio, federita kun la granda gazetkoncerno Hearst. Ili eĉ batalas sur tri frontoj: 1. Koncerne la rasproblemon, la filmindustrio reprezentas pli liberajn tendencojn. La kaŭzo estas la pli progresema gvidado, ĉeesto de judoj en la filmentreprenaj estraroj. 2. Koncerne la eksteran politikon, la situacio estas simila, kvankam la pli liberala sinteno de la filmentreprenoj ne signifas pli multe, ol maksimume neŭtralan, aŭ ne-forte malobjektivan sintenon en la eksterpolitikaj demandoj, kiuj estas ruĝa drapo por la menciita gazetkoncerno. La motivoj de la sinteno, kiun la filmentreprenoj reprezentas, estas klare negocaj kaj ne ideologiaj. 3. Koncerne la seksan moralon, la kontinentaj kaj ĉiam pli popularaj filmoj enigis novan, pli liberan spiriton en la usonan filmfabrikadon, pli liberan voĉon. Estas ege akra batalo kontraŭ la reprezentantoj de tiuj klopodoj, kiuj en Eŭropo jam delonge ne estas diskutataj. En tiun ĉi batalon enmiksiĝas la revuo *The Screen Writer* kun sia — por Usono — radikala voĉo. Ambaŭ aliaj partoj akre atakas la laste menciitajn, kiuj jam delonge estus morte venkitaj, se ne estus sur tiu flanko tiaj grandaj nomoj, kiel Frank Capra, Robert Montgomery, Betty Davis, Edvard G. Robinson, Henry Fonda, Charles Boyer, Orson Welles ktp. La batalo estas senindulga, kun akraj personaj atakoj, akuzoj pri ruĝeco, kaj tiu batalo ofte produktas tiajn — eĉ sangajn — scenojn, kiuj povus sukcese rivali kun la produktoj de la film-atelieroj. Kaj la fino de la batalo? Ĝi dependas de la ĝenerala decidiĝo de la mondsituacio, kiun tamen la filmindustrio kapablas certagrade influi.

*F. Szilágyi*

# RECENZO

DIVERSAJ AŬTOROJ: NOVAJ ESPERANTO-HISTORIETOJ. 72 paĝoj. Eldonis: Dansk Esperanto-Forlag.

La antauparolo, verkita de L. Friis, prezentas la celon de la libro: doni materialon por parola ekzercado kaj facilan legaĵon por novaj esp-istoj. Ĝi mem deklaras, ke la libro ne havas pretendon pri literatura valoro kaj konfesas, ke el la historietoj kelkaj estas spritaj, sed la pli multaj ne... Nu, tia senpretendeco malarmas la kritikiston, kiu, traleginte la libron, havas, kiel unuan impreson, la dubon, ĉu entute havis sencon eldoni tian libron? Ĉar la plejparto de la historietoj estas ne nur nesprita, sed ankaŭ seninteresa. Mi ne kredas, ke kun tiaj kvalitoj la libro tre taŭgas atingi la supre menciitajn celojn de la eldono.

Senriproĉa lingvaĵo estas nepra postulo ĉe tiaj libroj kaj la eldonejo klopodis atingi ĝin per tio, ke ĝi kontroligis la lingvon de la libro per la Literatura Komitato de FLE en Nederlando. La libro el tiu vidpunkto estas sufiĉe bonnivela, tamen mi notas kelkajn riproĉetojn. Sur p. 24.: „En la lasta milito, dum kiam" (dum kiu). Sur p. 25.: ...vi eĉ ne vian propran infanon rekonas!" (vi ne rekonas eĉ vian propran infanon). Sur la sama p.: „Li ekvidas moneron kuŝanta sur la strato" (kuŝantan). Sur p. 28.: „Kolerega la vinvendisto donis al Pherson botelon da vino, kaj ĉi tiu bonhumora pagis 3 pencojn". (Kolerege, bonhumore). Sur p. 35.: „Malgraŭ sia lerteco ŝi tamen ne sukcesis enspezi tiom, ke ŝi povis vivi per tio (povu). Sur p. 37.: „li rimarkis iun personon preterpasanta" (preterpasantan). Sur p. 39.: „Plu veturante li kolera diris al siaj du pasaĝeroj" (kolere). Sur p. 57.: „vi povas sidigi vin sur mian lokon" (sidiĝi). Sur p. 60.: „kvazau longa robo estis trenata sur la planko" (estus trenata). Sur la sama paĝo: „Estis pli agrable vidi la raton ol „la griza sinjorino" (ol „la grizan sinjorinon").

*L. Tárkony.*

A. M. de JONG: LA PERFIDO. El la nederlanda: *W. F. Kruit*, la tradukon kontrolis la Literatura Komitato de F. L. E. Eldonis Libroservo de Federacio de Laboristaj Esperantistoj. 245 paĝoj.

Kiam mi demetis la libron post la ellego, longe mia kaptis ankoraŭ la sorĉa atmosfero de la romano. Resobriĝinte mi provis analizi la fortan sugeston

kaj serĉi la sekreton de la eksterordinara impreso, kiun ĝi faris je mi. Mem la historio estas, kvankam neĉiutaga, sufiĉe simpla. Temas pri okjara vilaĝa knabeto, kiu sekve de akcidento amikiĝas kun sovaĝa kaj timata ŝtelĉasisto. Tiu siaparte estas senespere enamiĝinta al knabino, lin forpuŝinta kaj aliĝinta al ĝendarmo deveninta el fremda regiono. La ŝtelĉasisto ŝanceliĝas inter la bonaj influoj, *kiujn li ricevas* pere de sia amikeco kun la puranima kaj sagaca knabeto kaj la sovaĝaj impulsoj, kiujn donas al li la rifuzo de lia amo kaj la rivaleco kun la lin persekutanta ĝendarmo. Fine venkas la mallumaj fortoj kaj la rivaleco eksplodas en dramo kaj ni adiauas la knabeton en tragika momento de lia vivo, kiam disŝiriĝis antaŭ liaj demandaj okuloj la mistera vualo, *kiu kaŝis la tristan vivon de la* plenkreskuloj ... Neniel eksterordinara historio, vi diras, kaj vi pravas. Tamen la knabeto ne estas ordinara knabeto, li havas pli puran konsciencon kaj pli senteman, sekve pli vundeblan animon ol ordinaraj knaboj, mi ne antaŭdirus al li senĝenan feliĉon, sed certas, ke lia koro kapablos akcepti la belaĵojn de l' mondo kaj kun kompata helpemo sin turnos al la *suferoj kaj mizeroj de la* vivo ...

Jes, ĝuste, mi kuraĝas eldiri la vorton, ĝuste en la ĉasteco de la karaktero de la ĉefheroo mi vidas la ĉefan altiran forton, la sekreton de la ĉarmo de la libro. Kaj tiu ĉasteco ne estas ia vitrodoma artplantaĵo, ne, ĝi vivplene kreskis el suka grundo de la reale pripentrita ĉirkaŭaĵo. Ni menciu ankoraŭ la viglan, fluan rakontokapablon, la *rektlinian* konstruarton de la aŭtoro, kiu strikte gvidas la marŝon de la eventoj kaj ne lasas devojiĝi en superfluaj detalaĵoj, kaj la kelkajn delikatajn natur-pripentrojn, kiuj kun tia arto donas la enkondukan takton al la okazontaĵoj.

Laste mi mencias, sed neniel laste taksas la bonegan lingvaĵon de la traduko. Vere estas refreŝige legi tian bonstilan Esperanton! Tamen, malofte, troviĝas kelkaj ne bonŝance elektitaj esprimoj. Ekzemple: „sia proĝeniĝa modesteco" (p. 8.), „envere", „firme li prenis sur si la libron" (ĝuste: al si). La tradukinto konstante uzas „ne jam" en la senco de „ankoraŭ ne", ĉu li ne estas informita pri tio, ke jam Zamenhof malkonsilis tiun neĝustan uzon? Sur p. 82 ni trovas: „Li luktis kun nedifinita senco, kvazaŭ li emas plori", ĝuste: „kvazaŭ li emus plori". Sur p. 121 ni legas: „Messervanto devas vivi tiel, ke li neniam estas riproĉata" (estu riproĉata!), sur p. 122: „gardu vin, ke vi ne falos en mizeron" (ne falu!).

Ĝuste la apero, eĉ se malofta, de tiaj gravaj eraroj ĉe tiel bonega stilisto, kia la tradukanto, devus pripensigi: ĉu oni ne povus iel pliproksimigi la aktivajn Esperanto-verkistojn unu al la alia, ĉar la manko de interligo estas evidente malavantaĝa. Mi pensas pri ia verkista organizaĵo, komence en tre modestaj kadroj (ne pri tia grandioza organizaĵo, kian proponis amiko Szilágyi en sia vervplena, sed seneha Diskuto; nia organizaĵo poste povus fariĝi sekcio de tiu Kultur-Akademio), organizaĵon, kiu celus orienti inter si la verkistojn pri siaj literaturaj planoj (por eviti eventualan duoblan tradukon), interŝanĝi la opiniojn pri literaturaj, stilaj, lingvaj demandoj kaj antaŭenigi la literaturan lingvon per maturigo de ĝenerala gramatiko kaj stilistiko, morale deviga por la membroj de la societo. Kaj ne lastavice tiu organizaĵo defendus la materialajn interesojn de la verkistoj. Mi ĝojus, se mi ricevus la opinion de la verkisto-kolegoj pri tiu ĉi temo.

La romanon de de Jong mi elkore rekomendas en la bonvolan atenton de ĉiu esperantista infano, malgranda aŭ plenkreska.

*L. Tárkony*

ENKONDUKO EN LA KULTURON. Du 24-paĝaj kajeroj: *Unua vojaĝo ĉirkaŭ la mondo.* — *Vivo kaj arto de Goya.* Ambaŭ de *Agostinho da Silva.* El la portugala tradukis la unuan *J. J Rodrigues,* la duan *Vergilio Mendes.* Unu kajero kostas 2 resp. kup., au $ —.15 (serio de ses kajeroj aperontaj: 10 rpk., $ —.75). *Portugala Eldona Rondo,* Monte da Lapa, 49-I., *Porto,* Portugalio.

La eldonistoj havas la belan celon doni al la esperantistaro popularsciencan kolekton malkaran — sen monprofito. Prof. *A. da Silva* rajtigis eldoni liajn verkojn ne nur en Esp., sed ankaŭ en aliaj lingvoj. La celo estas subteninda.

El la unua kajero ni ekkonas la aventuran tragedian marveturon de *Magalhaes* (elparolu: Magalja'ns). Nur rimarketoj: „plej malfacile" pli taŭgus, ol „malplej facile". En la SAT-vortaro ne troviĝas la vorto *„jonko"!* Anstataŭ „Brazilio": „Brazilo"; anstatau „ebriece": „ebrie"; anstataŭ „indico": „signo" estus preferindaj! Unuloke mankas akuzativo.

En la dua kajereto majstre kaj kvazaŭ filme ekvivas antaŭ ni la varia kaj lukta vivvojo de la revolucia pentristo. La stilo, lingvo estas klaraj, fluaj. Tamen kelkaj ŝanĝotaĵoj: „la pretendantoj konsistigis grandnombrajn grupojn, kiuj ne lasadis ministrojn ..." ne estas klara. Ĉu oni devas kompreni, ke „la pretendantoj konsistis el grupoj, kiuj ne allasis lin (Goya) al la ministroj"? (p. 4.) „La tapetfabriko mendis skizojn *de* li (kaj ne *„al* li"). Ĉar Goya ne mortigis iun — ankaŭ ne sin mem —, la esprimo: *„Per* li mortis unu el la plej grandaj pentristoj" devas esti pli ĝuste: *„kun* li mortis" ... au *„en* li mortis" ... Anstataŭ: „la homaro kalkulas Goya kiel unu el la spiritoj ..." pli klara: „la homaro kalkuas Goya*n,* kiel unu*n* el la spiritoj ..." (p. 20.). Estus bone, se la kontrolanta Literatura Komitato enhavus ankau eksterlandanon ! *PB*

## NIAJ REPREZENTANTOJ

*AFRIKO:* Afrika Revuo, Maroko, *Casablanca*, 5 rue Savorgnan de Brazza.

*AUSTRALIO:* F. V. Taylor, *Albury*, N. S. W. 653 Jones Street.

*AUSTRIO:* Librovendejo „Tramondo", *Wien*, I., Neutorgasse 9.

*BELGUJO:* Flandra Esperanto Instituto, *Brussel*—West, Pieter van Humbeeckstr. 3.

Belga Esperanto Instituto, *Antwerpen*, 127 Lange Leemstraat.

*BRITUJO:* Internacia Esperanto Ligo, *Heronsgate*, Rickmansworth.

*BULGARIO:* Internacia Kulturo, *Sofio*, str. Graf Ignatiev 2.

*ĈEHOSLOVAKIO:* „Revuo Esperantista", *Praha*, Uralské Nám 9.

*DANUJO:* Libro-Servo de CDEL, *Kopenhago*, Pr. Jorgensgade 4 A.

*FINNLANDO:* Joel Vilkki, *Somero*.

*FRANCIO:* Unuiĝo Esperantista por Francio, *Paris*, 10 e, 34 rue Chabrol.

*HUNGARIO:* Bleier Béla, *Budapest*, VIII., Rökk Szilárd-str. 28. Poŝtĉekkonto n-ro 4014.

*ITALUJO:* Luigi Minnaja, Roma, Viale Giulio Cesare 223.

*JUGOSLAVIO:* Slovenia Esperanto Ligo, *Ljubljana*, Cankerjevo Nabrazje 7/1.

*NEDERLANDO:* A. C. van Ingen, *Rotterdam*, .W Buytewechstr. 128 c.

*NORVEGIO:* Norvega Ligo Esperantista, Librofako, OSLO, Boks 942.

*POLUJO:* Isaj Dratwer, *Warszawa*, 11 Listopada 22, T. O. Z.

*PORTUGALIO:* Saldanha Carreira Jorge, *Benfico*-Lisboa, Grao Vasco 33, r/c.

*RUMANIO:* Societo Esperantista Rumana, *Bukuresti*, Casale Postale 9.

*SVEDUJO:* Förlagsföreningen Esperanto, *Stockholm*, 19 Fack 19.071.

*USONO:* Esperanto Asocio de Nord-Ameriko, *New York* 11, 114 West 16-th Street.

Ni petas ĉiujn niajn abonantojn, bonvolu skribi leteron al la Budapeŝta Radiostacio (Bródy Sándor-strato 7.). Laŭdu, ke la radiostacio dissendas informojn en Esperanto, — sed proponu ankaŭ literaturajn prezentadojn en ĉiu monato. Muzikaĵoj, kantoj kaj deklamoj kompletigu tiun ĉi aranĝajon. Bonvolu aludi je tio, ke en Budapest aperas la grava Esperanto-periodaĵo : Literatura Mondo, kaj en la hungara ĉefurbo vivas famaj verkistoj de Esperanto.

## *Kelkaj opinioj pri Literatura Mondo:*

...vi komprenas, ke via gazeto estas „kiel infano en nia domo" (nederlanda dirajo). D-ro Kalocsay, koran dankon por la bono, kiun vi al mi donas, per via gazeto.

*Henck Valckenier* (Den Haag)

Por via eminenta jurnalo, kiun mi ĝuas kune kun rondeto de literaturemuloj, ĉi tie mi kore dankas.

*Paul Thorsen* (Kopenhago)

...mia opinio estas, ke la nivelo de Literatura Mondo estas alta kaj valora, eĉ en nia movado unika. Tio estas fakto.

*Jolan Waldner* (Esztergom)

Ricevu mian elkoran gratulon por via kuraĝo kaj fervoro.

*José Maria Dubán* (Buenos Aires)

Laŭ mi eĉ se ĉiuj esperantistaj jurnaloj malaperus, kaj se restus nur „Literatura Mondo", tio sufiĉus por la gloro de nia lingvo.

*Prof. Louis Apcher* (Meknés)

Literatura Mondo — la fiero de ĉiu serioza esperantisto.

*D-ro Ivo Lapenna* (Zagreb)

Karega frat', Literatura Mondo,

Mallonga estas mia jen respondo :

Se vi konjektas mem, ke prezaltigo

Por pluaj abonontoj estus digo,

Rezigni luksan veston do konsentu,

Duon- aŭ tute nuda vin prezentu.

Kaj, ĉar mi timas, ke konsilo mia

Al vi malmulte estas simpatia,

Kompense plastras mi la vundan truon,

Al vi sendante etan kontribuon.

*Miloŝ Lukaŝ*

# Al niaj abonantoj!

Ni alvokas la atenton de niaj ŝatataj abonantoj, ke la 1—2-an numeron de 1948 ni povos liveri nur al tiuj samideanoj, kiuj ĝustatempe renovigis sian abonon. Ni do tre petas, bonvolu senprokraste sendi vian abonon al niaj reprezentantoj.

●

Jarabono por 1948 kostas 3.— USA-dolarojn, aŭ egalvaloron en via mono.

La eldonejo




Felelős szerkesztő és kiadó: Berceli (Bleier) Béla. — Globus rt., Budapest, VI., Aradi-u. 8. — Felelős vezető: [illegible]